# der esperantist

**Mitteilungsblatt der Esperantofreunde der DDR im Deutschen Kulturbund**

7. Jahrgang Nr. 48 | Juli—August 1971 | 30 Pf

## *La VIII-a Partitago kaj ni*

**Jen temo, kies pritrakto postulus multajn paĝojn kaj specialan kunsidon de Centra Laborrondo. La kunsido okazis la 3/4-an de julio 1971, kaj raporton vi trovos en la sekvonta numero de nia revueto. Unu problemaro nin esperantistoj speciale interesas. Problemaro, por kiu dediĉis ne nur nia VIII-a, sed ankaŭ la XXIV-a partitago de la Soveta Unio grandan spacon: la pliprofundigo de la kunlaboro ĉiuflanka de la socialismaj ŝtatoj. Kaj „ĉiuflanka“ signifas ankaŭ „interesperantista“. En sia raporto Erich Honecker, la unua sekretario de SED, substrekis: „Decida por la tuta evoluo de la Germana Demokratia Respubliko estas la daŭra pliprofundiĝanta alianco kun Soveta Unio. Sur ĉiuj kampoj ni frate kunlaboras“. Kaj „La pliformigo de nia frata ligo ĉiam estos por ni ĉefranga tasko“. Same, forta kaj profunda amikeco nian landon ligas ankaŭ al la aliaj socialismaj ŝtatoj. La klopodoj de la esperantistoj de GDR ja ek de la fondo de CLR ĉiam estis dediĉitaj al la evoluo de tiu multlanda amikeco. Tamen, neniam antaŭe la kondiĉoj por plena evoluo de tiu kunlaboro estis tiel bonaj kiel nun. La lasta konferenco de la esperanto-asocioj el la socialisma ŝtataro (25—30. 3. 71 en Berlin) pri tio plene atestas. Ĉio-ĉi havas sekvojn por la laboro de la grupoj, por la internaciaj kontaktoj de ĉiu unuopa esperantisto. Ni estu konsciaj, esperanto ne estas la sola sed tamen unu el la rimedoj (kaj eĉ tre taŭga) por ĉirilate kunhelpi realigi la taskojn starigitajn de la VIII-a partitago. Jam multaj esperantistoj korespondas kun amikoj el Soveta Unio kaj la aliaj frataj landoj. Bonaj kontaktoj ekzistas inter grupoj. En kelkaj urboj la partneraj rilatoj, ekzistantaj al urboj el niaj aliancaj landoj, estas subtenataj ankaŭ de la esperantistaj grupoj. La reciprokaj vizitoj plioftiĝas. Sur distrikta kaj subdistrikta ebeno evoluas pli kaj pli da laŭdindaj iniciatoj, kiuj estu imitataj ĉie, kie la kondiĉoj ekzistas. Sed la partitago ankaŭ reliefigis la neceson subteni plene kaj ĉiuforte la antiimperiisman batalon. Tio signifas por ni ekzemple subteni MEM, ĝiajn ideojn kaj iniciatojn, subteni unuavice la vjetnaman popolon.**

**Klara, politika starpunkto en nia hodiaŭo estas necesa. Tio pleje koncernas homojn, kiuj aktivas internacie. Kaj kiu aktivas pli internacie ol ni? Pri la problemoj de la eŭropa sekureco kaj la okcidentgermana imperiismo ni havu tute klaran opinion!**

**Kun falsa neŭtraleco, nebulaj konceptoj pri „fina venko“, neseriozaj agoj, verdaj flagoj kaj himnokantado ni ne kapablos plenumi la taskojn de la proletara internaciismo.**

# Tradicioj devigas

*Antaŭ nelonge inter la gastoj de Centra Laborrondo de Esperanto en GDR estis malnova soveta esperantisto Georgo Korotkeviĉ el Moskvo. La redakcio de nia gazeto petis la gaston respondi kelkajn demandojn.*

**Demando:** Ĉu vi unue permesas, ke ni prezentu vin al nia legantaro?

**Respondo:** Mi estas ĵurnalisto kaj mia biografio ne tre diferencas de tiuj de multaj malnovaj sovetaj ĵurnalistoj. Mian literaturan agadon mi komencis antaŭ pli ol 30 jaroj en sovetjunulara ĵurnalo „Komsomolskaja Pravda“, daŭrigis ĝin en partia gazetaro, kaj nun mi kunlaboras en eldonoj, destinitaj por legantoj en eksterlando. Mia plej ŝatata ĝenro estas literatura-historia serĉado. Ĝi malfermas laŭ mia opinio sufiĉe grandajn eblecojn por sincera konversacio kun legantoj pri aktualaj temoj de la estinteco kaj la nuntempo. Mi esperantiĝis en la jaro 1932. En tiuj jaroj mi konatiĝis kun Vladimiro Varankin, unu el la famaj sovetaj esperantistoj, kiu estas bone konata ankaŭ en rondoj de la germanaj laboristoj-esperantistoj. Siatempe li vizitis Germanion kaj havis bonajn ligojn al germanaj kamaradoj. Varankin konatigis min kun la esperantista movado.

**Demando:** La intima amikeco inter GDR kaj Soveta Unio pli kaj pli firmiĝas. Kiel vi vidas tiun evoluon kaj kiel vi rilatas al GDR?

**Respondo:** Rakontante pri mia rilato al GDR, mi volas antaŭ ĉio rememorigi, ke la juna generacio niatempe kaj hodiaŭ estas edukata sub la signo de proleta internaciismo.

Jam sur la benkoj de la lernejo ni, junaj sovetaj gelernantoj, kun granda atento aŭskultis novaĵojn pri la klasbatalo en kapitalismaj landoj. Ĝis nun restis en mia memoro: en majo 1929 ĉiuloke oni parolis pri la sanga majo en Berlino, pri l'agado de germanaj komunistoj, pri la neforgesebla Ernst Thälmann.

Poste, frekventinte lernejon, mi konkludis, ke necesas studi la lingvon, en kiu skribis la grandaj fondintoj de marksismo la germanan lingvon. Mi ankaŭ vidis, kiel entuziasme germanaj kamaradoj studis la lingvon de Lenin. Mi fariĝis studento ĉe la Moskva teknikumo por fremdaj lingvoj. Poste mi vere sentis min feliĉa, kiam mi povis legi en la originalo, la „Komunistan Manifeston“. Studinte la germanan lingvon, mi eniris la riĉan kaj grandegan mondon de la germana literaturo kaj kulturo: Lessing, Goethe, Schiller, Heine, Heinrich Mann kaj Thomas Mann, Feuchtwanger, Mühsam.

Ili ĉiam estis kaj restas en nia spirita mondo reprezentantoj de vera Germanio. Eĉ en la malfacila tempo de la milito ni, sovetaj homoj, neniam miksis la faŝistan diktaturon kun tio ĉi vera, progresiva Germanio, kiu donis al la Mondo grandegajn geniojn de penso kulturo kaj revolucia agado.

---

**Same ni ne sukcesos, se oni alkutimiĝis al loka stagnado, pasiveco, mal bona gvidado, neplenumado de faritaj decidoj. Helpu trovi novajn vojojn! Ni komencu novan etapon en nia laboro: stabiligo kaj plifortigo de la grupoj; ellaboro de konstantaj valoraj rilatoj al Soveta Unio kaj la aliaj socialismaj ŝtatoj; junulara laboro kaj la pluevoluigo de klara ŝtatcivitana koncepto. Jen kelkaj el niaj taskoj aktualaj, por kies realigo la VIII-a partitago estos nia gvidilo.**

La Germana Demokratia Respubliko estas la heredinto de tiu ĉi vera Germanio, de la revoluciaj tradicioj de germana laboristaro, kun kies reprezentantoj la homoj de mia generacio konatiĝis jam en junaj jaroj.

**Demando:** Ni scias, ke vi pere de via profesio konatiĝis kun famaj personoj de nia socia kaj kultura vivo. Ĉu vi iom povus rakonti pri tio?

**Respondo:** Jes, jam en la 30-aj jaroj en Moskvo mi konatiĝis kun famaj germanaj poetoj kaj verkistoj, kiujn ni, junuloj, renkontis en la Literatura Instituto, en la ŝtata biblioteko de eksterlanda literaturo, en kluboj. Mi nur menciu Johannes R. Becher, Adam Scharer, Erich Weinert, Willi Bredel kaj aliajn. Tiam, ni, junuloj eĉ ne imagis, ke venos la tempo kaj ĉio fariĝos historio. Nun mi sentas, ke ni havas ŝuldon rilate al la germanaj amikoj: pri ĉio oni devas rakonti. Kutime, ni, ĵurnalistoj, dronante en nia fluanta laboro, demétas rememorojn por pli malfruaj jaroj de la vivo. Post mia lasta vizito en GDR mi ŝanĝis tiun opinion kaj decidis pli frue skribi rememorojn.

**Demando:** Ĉar ni kiel membroj de Germana Kulturligo de GDR ankaŭ scias pri ties historia rolo por la demokratiigo en Germanio post la dua mondmilito, interesas nin viaj konkretaj impresoj el tiu tempo, kiun vi pasigis en Berlino.

**Respondo:** Mi bone rememoras tiun tempon, someron de 1945, kiam, mi estis en Berlino, portinte uniformon de oficiro de Soveta Armeo. Tio estis la monatoj, kiam revenintaj el longdaŭra emigrado, kamaradoj, inter ili Becher, Erpenbeck kaj aliaj veturis tra la tuta Berlino, serĉante kamaradojn, kontaktiĝis kun aliaj reprezentantoj de la germana intelektularo, klarigis starpunktojn. Tio ne estis simpla. Ĝis nun mi rememoras unu vesperon, kiam Johannes R. Becher rakontis al mi pri kelkaj renkontoj nur en la paso de unu tago. Homoj, kun kiuj li renkontiĝis, sincere volis kunlabori por demokratia renaskiĝo de ilia patrio, sed malnova ŝarĝo de sektismaj kaj aliaj postrestaĵoj malhelpis al ili. „Imagu" — rakontis Becher — unu kamarado starigis al ni vicon da tre koleregaj demandoj, ekzemple: Kial „Neues Deutschland" sed ne „Rote Fahne", kial demokratia-antifaŝista ordo, sed ne Soveta Germanio kaj jam hodiaŭ, rapide — proleta diktaturo. Kaj alia kolego, demandis ion tute alian por ekzemplo: Mi estas katoliko, ĉu vi, komunistoj povus eĉ sidi en unu benko kun katolikoj?" ktp. Sed skrupula, ĉiutaga, tolerema laboro donis rezultojn: ĉio, kio estis sana en la germana intelektularo, unuiĝis en Kultura Ligo. Kaj ĝia alvoko sonis klare, sincere, konvinke. Arde kaj varmege la fondintoj de la Kultur-Ligo deklaris, ke nun la germana popolo kaj la germanaj intelektuloj havas nur unu veran vojon — la vojon de demokratio kaj progreso, la vojon de plena likvido de ĉiuj postrestaĵoj de naziisma ideologio.

La milito estis finita. Berlino konsistis el ruinoj. Sur multaj muroj faŝistoj postlasis surskribojn faritajn per sufiĉe akurataj literoj, versajne kun helpo de ŝablonoj — „Berlin bleibt deutsch!"

„Vi vidis tiujn ĉi surskribojn", diris Johannes Becher en unu de siaj paroladoj. „Estu certaj, ni ankaŭ diras, ke Berlino restas germana, jes, germana, sed ne nazi-germana. Naziismo havas nenion komunan kun vera Germanio, kun la veraj intencoj de la germana popolo. Nur per amikeco, interkompreno kaj kunlaboro kun ĉiuj liberecamantaj popoloj la germana popolo povus akiri realan, sed ne falsan estimon en la tuta mondo".

En tiuj tagoj, kiam ekleviĝis Berlino por nova vivo, la alvoko de la germanaj komunistoj kaj la alvoko de la Kultur-Ligo donis al ĉiuj novan energion kaj entuziasmon por la konstruado de nova vivo. Mi rememoras,

## Esperanto-Zeitschrift aus der Sowjetunion

Die Esperanto-Sektion der Litauischen Gesellschaft für Freundschaft und kulturelle Verbindungen mit dem Ausland sowie der Esperanto-Klub Vilnius haben 1970 mit der Herausgabe einer Zeitschrift *„Horizonto de Soveta Litovio“* begonnen. Wie in der Einleitung zum ersten Heft gesagt wird, soll die Zeitschrift vor allem über die Arbeit der Esperantisten und über das kulturelle Leben in Sowjetlitauen berichten, sie möchte aber die Esperantisten im In- und Ausland auch über die wichtigsten Ereignisse esperantistischer, politischer und kultureller Art in der Sowjetunion unterrichten. Tatsächlich bieten die beiden bisher in geschmackvoller Aufmachung erschienenen Nummern neben einigen sehr interessanten allgemein-esperantologischen Artikeln einen großen Teil des Raumes füllende Mitteilungen aus der Arbeit und dem Leben der Esperantisten vor allem in Litauen und in den sowjetischen Ostsee-Republiken. Diese Mitteilungen zeigen einen so überraschend hohen Stand der Esperantobewegung und eine so große Aktivität in der Verbreitung des Esperanto, wie es wohl kaum jemand unter den ausländischen Esperantisten erwartet hätte. So wird z. B. berichtet, daß im August 1970 in der westlitauischen Stadt Kretinga — nördlich von Klaipeda — bereits das *12. Baltische Esperanto-Zeltlager* stattfand, an dem in diesem Jahr 319 Personen teilnahmen. 129 Teilnehmer waren Litauer, 64 Esten, 48 Ukrainer, ja sogar Esperantisten aus Nowosibirsk, Omsk, aus Dagistan und aus Batumi nahmen teil. Über 50% der Teilnehmer waren Jugendliche, obwohl gleichzeitig in der Baschkirischen Republik ein *Allsowjetisches Jugendzeltlager* stattfand. Der Leser erfährt, daß die Zahl der Dozenten und Universitätsprofessoren in der Leitung des Zeltlagers überraschend hoch ist. Es fand ein Esperantoseminar für Lehrer mit Abschlußexamen statt, deren Zeugnisse zum Unterricht des Esperanto in Schulen berechtigen.

Einen großen Raum nehmen auch die Artikel ein, in dem der Leser bedeutende Erscheinungen der litauischen Geisteskultur kennenlernt, die eine im Ausland kaum bekannte Höhe zeigt und daher von großem allgemeinen Interesse ist.

Der Verfasser dieser Zeilen, der mehrere Jahrzehnte an deutschen Universitäten das Fach Baltistik vertreten hat und seit langem als *Vorsitzender der DDR-Baltistenvereinigung* mit allen ihren Mitgliedern für eine Verbreitung der Kenntnisse über die Kultur der baltischen Völker in der DDR gewirkt hat, sieht in der Herausgabe der Zeitschrift einen ungewöhnlich erfreulichen Anfang der großen aufklärenden und völkerverbindenden Arbeit, die das Esperanto besonders in osteuropäischen Ländern zu leisten imstande ist, wo die vielen weniger bekannten Nationalsprachen zwischen den hohen Nationalkulturen der einzelnen Völker gewisse Schranken darstellen.

*Prof. Dr. Viktor Falkenhahn, Berlin*

---

kiel aperis antaŭ granda aŭditorio, renkontita kun longdaŭraj aplaŭdoj, la konata aktoro Viktor de Kowa, kiam aperis en la redakcio „Tägliche Rundschau“, Hans Fallada kun manuskripto de „freŝa“ rakonto en la mano, kiam en aŭtuno de tiu ĉi jaro aperis sur la paĝoj de ĵurnaloj letero de la maljuna Gerhart Hauptmann.

(daŭrigo pĝ. 20)

# Pri vjetnamaj romanoj

*El leteroj de s-rino Hella Sauerbrey, Berlin:* **Pri „Hon Dat"**

„Nur nevolonte mi komencis la legadon de tiu ĉi libro, ĉar ekde la dua mondmilito, kiam mia frato pafmortis kaj mi travivis bombatakojn, mi ne povis toleri paroladojn aŭ priskribaĵojn de milito. Ili tro multe timigis kaj malkvietigis min. Sed manke de alia esperantlingva libro mi komencis legi kaj mi ne bedaŭras la decidon.
Tiu sudvjetnama romano de Anh Duk estas tiel altira kaj emociiga, ke mi ne povas ĉesi la legadon. En tute klara modesta maniero estas priskribitaj la homoj, la cirkonstancoj, la okazintaĵoj, naturo kaj pejzaĝo.
Oni devas estimi kaj ami la homojn, oni devas kompreni la cirkonstancojn kaj okazintaĵojn, oni povas imagi sin naturon kaj pejzaĝon. Sen fanfaroni estas rakontitaj la heroaj agoj de la Vjetkonganoj, do de viroj kaj virinoj, de infanoj kaj maljunuloj. Oni konatiĝas kun la vilaĝanoj de Hon Dat, precipe unu familio, sed ili staras por ĉiuj. Multaj incidentoj formas kiel mosaikŝtonoj la viglemovan bildon de vjetnama vivo.
Mi citas nur kelkajn:
Kuraĝa rezistado en profunda kaverno. La voĉo de granda Patro kaj respektata Gvidanto „Onklo Ho". Junulo perdas brakon.
Patrina amo.
Nokta apudmara pejzaĝo.
Rememoroj al infaneco kaj geedza fideleco. Kruelaj atakoj — kuraĝoj rebatoj. Danĝera entrepreno por ĉerpi akvon. Fruktedona tero — pitoreskaj ĝardenoj . . . ktp.
Nun mi rigardas la tutan vjetnaman problemon en tute alia formo kun t.n. aliaj okuloj. Kaj nun mi estas ankaŭ konvinkita, ke la ekstreme severa kaj heroa lukto de Sud-Vjetnamoj iutage finos sukcese.
Oni devas estimi ilin,
oni devas admiri ilin!
Ili meritas kompaton kaj solidarecon!"

**Pri „Franjo Tu Haŭ"**

„. . . Hodiaŭ denove temas pri sudvjetnama romano. Ĉu ne estas strange? Unue mi povis kaj volis nek aŭdi nek legi raportojn kun milita enhavo. Fine mi legis vole nevole tre heziteme „Hon Dat", kiu tre plaĉis kaj emociigis min kaj nun mi jam serĉas sudvjetnaman literaturon. Mi trovis „Franja Tu Hau" de Bui Duc Ti.
Temas pri rakonto de la fiŝista vivo en apudmara regiono de Sudvjetnamio dum la provizora okupado de francaj koloniistoj. La ĉefpersono — Tu Hau — sengepatra orfino, fariĝis akuŝistino. Post edziĝo kun vagema maristo ŝi vivas en ties apudmara hejmvilaĝo. Tie okazas invado de la marionetaj kaj francaj soldatoj kaj ŝi devas travivi multajn malfacilaĵojn kaj danĝerojn. Spite al ĉio ŝi ĉiam sin montras helpema kaj humana eĉ al la akuŝintaj virinoj de la marionetaj soldatoj. Vole nevole ŝi konfrontiĝas kun gerilmilito, rezistado, liberiĝo. Fine — instigita de la sekretariino de la Distrikta Virina Unuiĝo — ŝi partoprenas la rezistadon kaj faras propagandon. Tiel — iom post iom — ŝi fariĝas aktivulino, en la koro nur unu sento: amo al la patrujo; en la kapo nur unu penso: konstraŭstari kaj venki! Ofte kaj longe mi pripensis, kial ankaŭ tiu ĉi romano estas tiel altirforta kaj impresa. Certe, estas la tute modesta kaj memkomprenebla maniero de la sudvjetnama popolo batali dum la vivo kaj tamen vivi dum batalado. Vere, oni povus diri kun la Zamenhofaj vortoj: „Obstine ĝi paŝas, provita, hardita al cel' unufojon signita". *Hella Sauerbrey, Berlin*

*Dr. Istvan Szerdahelyi*

# *Pri la slango de TEJO-anoj*

Zamenhof kreis lingvon: statikan sistemon, enfermitan en sia unua lernolibro. La uzantoj — unue li mem — generis tekstojn skribe, poste ankaŭ parole, obeante la Zamenhofan aŭtomaton sed trafiltrante ilin tra siaj individuecoj. Ju pli forte reliefiĝis la personaj trajtoj en la lingvouzo, des pli karaktera estis la lingvaĵo. Zamenhof ne povis krei stilon, nur sian propran. Sed. la tekstojn de la lingvouzantoj iom post iom vestis disverskoloraj stiloj, facile distingeblaj, eĉ statistike esprimeblaj: Ĉiu vera verkisto distingiĝas per pli-malpli propra tono.

La vivantaj kaj funkciantaj naciaj lingvoj realiĝas 75 % akustike kaj nur 25 % grafike. Verŝajne (fidindajn indikojn bedaŭrinde ni ne havas) en Esperanto la proporcio estas inversa: la Internacia Lingvo estas uzata ĉefe skribe (literaturo, korespondado ktp.). La kaŭzo estas socia: maloftas tiaj situacioj, kiam la parola uzo estas neeviteble necesa. Sekve, se temas pri stilo en Esperanto, oni nepre pensas pri la literatura (skriba) stilo.

Sed: ĉu la stiltavoliĝo de Esperanto okazas nur laŭ opaj verkistoj en la kadroj de la beletristiko? Ĉu ne ekzistas krome ankaŭ ĵurnalistika, scienca, popular-scienca stiloj? Ĉu ne elformiĝis en Esperanto ia diferenco inter la skriba kaj parola stilo? Ĉu ne estas en Esperanto ĉiutaga parola stilo, familiara, oficiala ktp. stiloj, ĵargonoj, frazeologio? Ĉu ekzistas aŭ povas esti en Esperanto infana lingvo?

Jen demandoĉeno atendanta respondaron.

Dum la 26-a TEJO Kongreso (Graz, 10—17/8/1970) vole-nevole mi rimarkis, ke la junularo havas specifan lingvaĵon, kiu diferencas per rimarkeblaj trajtoj de ĉiuj aliaj stiloj. La socia medio estis natura, ĉirkaŭ 150 gejunuloj, 18—25 jaraj, el dekoj da landoj kune vivis, amikiĝis, diskutis, amuziĝis. La lingvo estis tute vive, glate kaj nature uzata. Mi notis kelkajn karakterajn trajtojn:

1. tendenco al la sintezaj formoj anstataŭ la analitikaj:

| | |
|---|---|
| „iru tag-vespermanĝejen ..." | = al ... |
| „sloganmarŝo ĉefplacen ..." | = al, sur ..., -on |
| „invitatas, petatas ..." | = estas ... -ataj |
| „se mi sciintus ..." | = estus ... -inta. |

2. tipa junulara lingvouzo estas la aktivigo de sufiksoj -UM- kaj -AĴ-. Ilia necerta kaj elasta sememo, kun ia ŝercema, ironieca kaj sekreteca nuanco estas oportunaj kiel iaj „kriptolingvaj elementoj":

„gumado, alielumi, ŝlosilumi" = uzataj por esprimi la rilaton inter diversseksaj gejunuloj;

„kotopoaĵoj, k.t.p. -ajo, kromaĵoj = denove kaŝas ideojn rekte ne esprimeblajn.

3. estas rimarkebla la forta deziro paroli kiel eble plej flue kaj rapide. Por efektivigi la senintermitan parolkontinuon oni ofte uzas „parazite"

## PERFEKTIGA LEGOLIBRO KUN GRANDA KVALITO

*William Auld: „Paŝoj al plena po sedo", progresiga legolibro de Es peranto kun lingvaj ekzercoj, Bru selo — Praha 1970 (komuna eldon de „Heroldo de Esperanto" ka Ĉeĥa Esperanto Asocio) 260 pĝ.*

Jen libro de la skota poeto Auld, kiu ĉifoje montras sian didaktikan talenton. Kaj jen frukto de realisma libroeldono. Temas pri libro ekstreme bezonata por ĉiu postelementa, konversacia kurso. La 30 „paŝoj" estas bone elektitaj esperanto-originalaĵoj aŭ majstrotradukoj de Szilagyi, Privat, Sekelj, Boulton, Rossetti, Zamenhof aŭ aliaj originale verkintoj aŭ tradukintoj. Ĉiu leciono komencas kun vortareto, en kiu la unuopaj vortoj estas difinitaj en simpla maniero. Ekzemple ago: io, kion, oni faras, benzino: / hejtaĵo por irigi aŭtomobilon ktp. Tiel difinita vorttrezoro do konvenas por rektmetodaj kursoj. La legaĵo, kiu sekvas, estas 2—4 paĝa historieto, plej ofte humora. Sed ankaŭ enestas tragikaj temoj, pripensigaj aŭ popular-sciencaj traktatetoj same kiel poemoj. Ĉiun legaĵon sekvas speciala tre valora ekzerca parto. Ekzemple ĉiam ni trovas taskoparton: „Leginte la supran rakonton respondu jenajn demandojn" kaj poste 10—15 bone paroligaj demandoj. Poste venas gramatikaj ekzercoj, taskoj, korektendaj aŭ kompletigendaj tekstoj kaj aliaj ekzercoj.

En la lastaj paĝoj troviĝas la solvoj de la ekzercoj, elekto de bona literaturo por „plue paŝi", adresaro de esperanto-asocioj de la mondo (ankaŭ de la junularaj). Finfine indekso faciligas la orientiĝon.

Mi tute serioze opinias, ke ĉiuj niaj konversaciaj kursoj devus esti ekipitaj per tiu libro. Ĉiu distrikta laborrondo, ĉiu subdistrikta grupo devus posedi la libron.

Verŝajne dum 4 semestroj oni havas sufiĉe da varia, interesa kaj metodike bone preparita materialo. Por nekursanoj la libro estas valora kaj ĉarma antologieto de la esperanta literaturo. Bona donaco por eksterlandaj geamikoj. Mendebla (kaj eĉ sufiĉe rapide) ricevebla pere de Centra Laborrondo Esperanto de GDR kontraŭ *antaŭpago de 9 markoj rekte al la adreso de CLR.* Tamen ni preferas **komunan mendon** de subdistrikta grupo aŭ distrikta laborrondo. *D. B.*

---

(nul-sememo) tiajn vortojn, kiel: „do, tamen" kaj samcele la adverbojn „fakte, certe, nature, hazarde ...".

„Fakte, vi ne iru, fakte, tien, ĉar, fakte, vi devas scii, do, ke tie ..."

4. la ironio kaj ŝercemo karakterizas ne nur la element-uzon kaj morfemokombinaĵojn sed ankaŭ la spritajn kaj subitajn frazojn, sentencojn:

— ekzemploj el la kongresa dokumentaro —
„Inaro certe estas agrablaĵo ĉe kunvenoj"
„JES — mi preferus MALNE"
„Materialon pri la diskuttemoj vi povas ricevi ĉe ...
... kaj kontraŭdormpilolojn ĉe LKK".

Verŝajne maturiĝis jam la tempo sondi multflanke la stiltendencojn en la Internacia Lingvo, ankaŭ en ĝia parola varianto. Ĉi artikoleto intencis nur atentigi kaj ne solvi.

*(el „Literatura Foiro")*

# *Interlingvistikaj prelegoj en Budapest*

Kiel konate, en la kadro de la Budapesta Eötvös-Universitato, kiel la unua kaj ĝis nun sola sur la mondo, funkcias oficiale fako *„Esperanto-lingvo kaj literaturo“*, sub la gvido de *doktoro Istvan Szerdahelyi,* konata interlingvisto kaj aŭtoro de lernolibroj. Substrekindas, ke ĉi-tie ne temas pri iu lektorato aŭ nur kursoj esperantaj. Ne, en la tiea universitato Esperanto estas serioza oficiala kaj samrajta studobjekto por tiuj studentoj, kiuj volas akiri diplomon krom por la du elektitaj lingvoj (ekzemple la rusa kaj la franca) ankaŭ por Esperanto kiel la tria. La diplomoj tie akireblaj do havas universitatan karakteron kaj estas verŝajne la plej prestiĝaj, ie eldonataj monde. La studado dividiĝas en jenaj partoj: *Enkonduko en la studadon de Esperanto; Esperanto lingvo I. kaj II., sistema gramatiko de Esperanto, Esperanto-literaturo, historio de internaciaj helplingvoj, la instruado de Esperanto kaj ĝia literaturo.* Seriozaj prelegoj, kolokvioj, taskoj, studoj kaj severaj sciencaj ekzamenoj.

La studentoj studantaj Esperanton fondis ĉe la universitato sciencan rondon kaj kiel tia organizis de 26. 4.—29. 4. 1971 la *unuan sciencan laborsemajnon.* En ĝia kadro estis antaŭviditaj diversaj interesaj prelegoj de eksterlandanoj. Realiĝis nur jenaj:

*Valerio Ari, Milano (It.)*

*„Kontribuo de italoj al la Esperanto-literaturo“,*

*Zsivorad Jevticz, Kragujevac (Jug.)*

*„La ideologiaj problemoj de la internacia junulara movado“,*

*Detlev Blanke, Berlin (GDR)*

*„Kelkaj problemoj de interlingvistiko kaj esperanto logio“,*

*„Verbkonstruo en la germana lingvo kaj en Esperanto“.*

La prelegoj aperos broŝure 1972 ĉe la Universitato.

Krom la prelegoj kaj viglaj diskutoj estis faritaj eksperimentoj en la fonetika kabinedo (prononco). La premion gajnis V. Ari.

La fina vespero de tiu studenta semajno estis speciale impresa. La prezento de la animskua *„Aŭŝvicoratorio“ de Alina Nowak (Pollando),* en la bonega esperanto-lingva plenumo de *s-rino Danuta Alczewska-Klus,* la recitaĵoj kaj la prezento de infana kaj virina korusoj vere formis altan nivelon. Speciale mi ĝojis, ke mi povis persone konatiĝi kun profesoro *Kalocsay,* la plej signifa esperanto-poeto, kiu, senlace laboranta, ankoraŭ havas multajn planojn, i. a. esearo esperantologia, krimromano (en kiu la „kulpulo“ estas gramatika eraro). Ĵus el lia plumo aperis riĉa kolekto de *Petöffi-poemoj, tradukoj de Heine* kaj *„la tempesto“ de Shakespeare.*

Fine ne estu forgesitaj la grandaj klopodoj kaj laboroj de la simpatiaj gestudentoj-gastigantoj, inter ili *Judit Bota, Zsuzsa Varga-Haszonits, András Timár, Balázs Wacha, Tibor Vaskó* k. a. Al ili kaj ĉiuj aliaj koran dankon kaj pluajn sukcesojn.

*D. Blanke*

## Deutsche Redensarten und Redewendungen in Esperanto X

# O

**ob / als ...** kvazaŭ; **... auch** kvankam; malgraŭ ke;
**oben / von ... herab ansehen** malŝate rigardi iun;
**Oberhand / ... gewinnen** eksuperi; venki; **... haben** domini;
**Oberwasser / ... bekommen** eksuperi; venki; **... haben** domini;
**obliegen / ihm obliegt** lia tasko (devo, funkcio) estas;
**Ochse / er steht wie ... am Berge** jen staras la bovoj antaŭ la montoj; li rigardaĉas kiel bovido; li elmetas la okulon kaj vidas nulon;
**Ofen / der ... ist aus** la fajro estingiĝis;
**offen / etw ... lassen** lasi ion nedecidita;
**Öffentlichkeit / in voller ...** sur la publika forumo;
**ohne / dieser Vorschlag ist nicht ...** tiu propono estas konsiderinda; **... weiteres** sen pluajoj; tuj;
**Ohr / Floh im ...** muŝo en kapo; **ganz ... sein** teni la orelojn en streĉo; streĉegi la orelojn; auskulti per ambaŭ oreloj; havi orelojn sur ĝusta loko; **sein ... leihen** favoreme aŭskulti!; **j—n übers ... hauen** trompi iun; superruzi iun; **sich übers ... hauen lassen** fordoni anseron, ricevi paseron; **sich etw hinters ... schreiben** bone noti ion; enskribi en la memoron; **zu einem ... hinein, zum anderen hinaus** tra unu orelo eniras, tra la dua eliras; tuŝi kiel akvo anseron; eĉ ne tuŝi la orelon; estas kiel polvo sur la tero; zorgi pri ĝi, kiel pri neĝo pasintjara; **noch nicht trocken hinter den ...en** havi ankoraŭ la lakton sur la lipoj; ĵus elrampi el la ova ŝelo; **die ...en steif halten** teni la nukon firma (rekta); ne lasi sin timigi (moligi); ne cedi; **es hinter den ...en haben** esti frotita kaj polurita; sur lia nuko sidas pli ol peruko; **bis über die ...en** ĝis malantaŭ (super) la oreloj; **j—m in den ...en liegen** tedegi iun per kvereloj; **die ...en spitzen** streĉi la orelojn; **tauben ...en predigen** prediki al surduloj;
**Olem / seit ...s Zeiten** de post tempo nememorebla;
**Opfer / den ...tod sterben** morti viktimo;
**Ordnung / neue ... der Dinge** nova reĝimo; **in ... bringen** aranĝi siajn aferojn;
**Ort / vor ... arbeiten** labori antaŭ la roko; labori subterene; **höheren ...es** ĉe supera (aŭtoritata) loko;
**Ostern / wenn ... und Pfingsten auf einen Tag fällt** en la triĵaŭda semajno; en la tago de Sankta Neniamo;

# P

**Paar / ein ... werden** geedziĝi; **alle ... Wochen** post po kelkaj semajnoj; **zu ...en treiben** devigi al obeo;
**pack/en / ... dich!** iru for en bona hor'!; enpakiĝu kaj foriĝu!;
**Pantoffel / unter dem ... stehen** esti sub la ŝuo (de la edzino);
**Papier / ... ist geduldig** (plumo ne sentas,) papero silentas; al la papero ne mankas tolero;
**Pappe / das ist nicht von ...** konsiderinda; forta; ne el lanugo;
**Pappenheimer / ich kenne meine ...** mi konas miajn homojn; ni reciproke nin konas, klarigon ne bezonas;
**Papst / päpstlicher als der ...** pli papa ol la papo;
**Parade / j—m in die ... fahren** ĝeni (malhelpi) ies planon; interrompi ies paroladojn;
**Part / halb ...!** po duono por ĉiu!; **ich für meinen ...** miaparte;
**Paß / es besteht ...zwang** oni (nepre) devas havi pasporton;
**passen / ...d machen** adapti; (al)konformigi; **gut zusammen ...** du botoj faras paron; bela paro por altaro; sinjorino kaj sinjoro, unu alian valoras;
**Patsche / in der ... sitzen** esti en granda embaraso; esti en situacio sen eliro;
**Perle / ...n vor die Säue werfen** ĵeti perlojn antaŭ la porkojn;
**Person / ich für meine ...** miaparte
**Pfahl / seine Pfähle zurückstecken** redukti siajn postulojn; **in meinen vier Pfählen** inter miaj kvar muroj;
**Pfeffer / bleib, wo der ... wächst** iru al la diablo; **da liegt der Hase im ...** jen la tubero en la afero; **ge...te Witze** drastaj (pipitraj) ŝercoj;
**Pfeife / nach j—s ... tanzen** danci laŭ ies fajfilo; kien kudrilo iras, tien fadenon ĝi tiras; **auf etw ...n** diri fi pri io; ĵeti al la diablo; **das ...n die Spatzen von den Dächern** pri tio jam babilas ĉiuj paseroj;
**Pfennig / wer den ... nicht ehrt ...** kiu groŝon ne respektas (honoras), riĉajon ne kolektas; kiu groŝon ne respektas (honoras), eĉ duongroŝon ne valoras; kiu ne respektas (honoras) groŝon, ne havos plenan poŝon;

**Pferd / zu ... steigen** surĉevaliĝi; **zu ... per** ĉevalo; rajde; **das ... am Schwanz aufzäumen** jungi la bovojn malantaŭ la plugilon; **der ...efuß dabei ist . . .** la tubero en la afero estas ...;
**Pfifferling / keinen ... wert** la tuta ludo ne valoras kandelon;
**Pflanze / aus ...n entstanden** fitogena;
**pflegen / man pflegt zu sagen** oni kutime diras; **so pflegt es denen zu gehen** tiel ordinare okazas al tiuj;
**Pik / ich habe einen ... auf ihn** li estas por mi osto en la gorĝo;
**Plaggen / da schlägt mir der ... ein** jen mi mutiĝas (ekmiras) pro miro; jen mi perpleksiĝas;
**platt / ich war einfach ...** mi estis vere perpleksa;
**Platz / nimm ...!** bonvolu sid(iĝ)i!; **macht ...!** cedu lokon!; flanken!; **am hiesigen ...e** ĉiloke: **diese Bemerkung ist hier nicht am ...e** ne konvenas; **...greifen** enradikiĝi;
**plaudern / aus der Schule ...** disbabili privataĵojn; elbabili sekretaĵojn;
**plausi/bel / etw ... machen** klarigi ion; evidentigi ion;
**Portefeuille / Minister ohne ...** „nefaka ministro"
**Positur / sich in ... setzen** alpreni mienon de graveco; ekpozi; sin pretigi por defendo;
**Posse / j—m einen ...n spielen** mistifiki; ŝerce trompi iun;
**Posttag / das kommt einen ... zu spät** estas (kiel) mustardo post la manĝo; nuksoj venis, kiam dentoj elfalis; post morto kuracilo jam estas sen utilo;
**postwendend** / poŝtrevene;
**Prä / das ... haben** havi avantaĝon; havi superaĵon; havi privilegion; havi la unuan rangon antaŭ;
**prall / in der ...en Sonne** en plena (brula) sunlumo;
**präsent / etw ... haben** havi ion spirite preta (por diri, montri);
**praxi / in ...** en la praktiko; **seine ...s aufmachen** komenci sian praktikadon;
**Preis / um keinen ...** neniel; por nenia rekompenco; **einen ... setzen auf** promesi rekompencon por;
**Presse / das Buch ist unter der ...** estas presata; estas sub la presilo;
**pro / ...anno** por ĉiu jaro; **... und kontra** por kaj kontraŭ; **... domo** por si mem; **... forma** formale;
**Probe / j—n auf die ... stellen** meti iun antaŭ tenton;
**produzieren / sich ... als** sin montri;
**Protokoll / zu ... geben** depoz(ici)i;
**Prozeß / kurzen ... machen** ne fari longajn ceremoniojn; agi senceremonie; **einen ... anstrengen gegen** ekprocesi kontraŭ;
**Prüfung / eine ... veranstalten** fari (aranĝi) (okazigi) ekzamenon; **seine ... ablegen** sin submeti al ekzameno; trapasi (fari) ekzamenon; sukcesi en ekzameno; **seine ... bestehen (machen)** trapasi (fari) ekzamenon; sukcesi en ekzameno;
**Puls / j—m den ... fühlen** senti (palpi) al iu la pulson;
**Pulver / keinen Schuß ... wert** valoranta tute nenion; tute senvalora; **er hat das ... nicht erfunden** li ne elpensis la pulvon; li ne havas kapon de ministro; li ne estas el la grandaj saĝuloj; li ne elpensis la filozofian ŝtonon; li vidas nur ĝis la pinto de sia nazo; **geladen sein wie ein ...faß** eksplodema kiel pulvo; flamiĝema kiel rezina ligno;
**Pump / bei j—m einen ... aufnehmen** sin turni al ies poŝo;
**Punkt / springender ...** esenco; esenca punkto; ĉefpunkto; **toter ...** malviva (neefika) punkto; **im ... der Ehre** rilate al la honorpunkto; **auf den ... genau** akurata; pedanta; ekzakta; **... acht Uhr** akurate je la oka; **einen wunden ... berühren** piki vundan lokon; **auf dem ...e sein, etw zu tun** esti ... onta;
**Puppe / bis in die ...n** ĝis ekstremo;
**Putz / auf (unter) ... verlegen** munti sur (sub) la stukaĵo;

# Q

**Quatsch / er ist ein ...kopf** li babilas, muelas, kion lango elpelas;
**Quecksilber / er ist das reinste ...** li estas vera hidrargo; li estas flugema kiel vento;
**Quelle / aus erster ...** aŭtentike;
**quer / j—n in die ...e kommen** kruci (interveni) ies planon (aspirojn;) malhelpi iun; renkonti iun; trafi sur iun; bari al iu la vojon; **mir geht alles der ...e** ĉiam mi malsukcesas;

(Fortsetzung auf Seite 15)

**rejs-o = real-o** Reis, Real, (portugies.-brasil. Münze)
**reklam-o*** Reklame, **--panelo** Reklamewand, (tragbar) Spruchtafel
**rekrement-o** Treber, Trester, Preßrückstand
**rekrut-o*** (mil.) Rekrut; **--varbisto** ...enwerber
**rekvizit-oj** Requisiten, Theaterbedarf, -zubehör
al **rel-o*** Schiene, Leiste; **apog-, man-, gard--o** Hand- oder Schutzleiste; **--pinto** S...nzunge; **gvid--o** Führungsleiste; **kontakt--o** Stromschiene; **kanel--o** Rillenschiene
**relegaci-o** (jur.) Relegation, Verweisung (von Lehranstalten)
**religi-o*** Religion
**rendiment-o** Rendement, Ausbeute
**renesanc-o*** (Kunstrichtung u. Zeit) Renaissance
**reostat-o** (el.) Rheostat, veränderlicher Widerstand
**repertuar-o** (tea.) Repertoire, Spielplan
**repetitor-o** Repetitor, Einstudierer, Nachhelfer
**repudi-i** (jur.) einseitig d. Ehe aufheben, repudieren
**reskript-o** Reskript, Verfügung, Erlaß; **--i** verfügen
**respekt-o*** Respekt, Achtung
**respektiv-a*** respektive, beziehungsweise
**respond-i*** 1. antworten 2. entsprechen
**rest-i*** bleiben, übrig-, zurückbleiben
**resus-o** Rhesusaffe; **--faktoro** (med.) ...faktor
**retikul-o** Retiküle, Handtäschchen, a. **mansaketo**
**retor-o*** 1. Rhetor, Lehrer d. Beredsamkeit 2. Redner
**retrat-i** (Geld) abheben, (Darlehen) zurückziehen
**retret-o** (mil.) Rückzug, Retraite
**rev-i*** (wach-)träumen, schwärmen; kp. **sonĝi**
**revelaci-o*** (rel.) Offenbarung; **--i** ...ren
**revizor-o*** Revisor, Prüfer, Inspektor; **--ejo** Revisionsamt
**revoluci-o*** Revolution
**rezed-o*** Reseda (bot. Reseda)
**rezignaci-o*** Resignation, Entsagung, Ergebung ins Schicksal
**rezolut-a** resolut, beherzt, entschlossen
**rezultant-o** (tek.) Resultante, Resultierende
**ricel-i** (Gestohlenes) verhehlen; **--anto** Hehler
**rid-i*** lachen; **sub--eti** schmunzeln
**rifuĝ*i*** flüchten; **--placo** (sur strato) Rettungsinsel
**rilat-i*** sich beziehen auf; **--umo** (de endentaĵoj) Übersetzungsverhältnis (von Zahnrädern)
**rimark-i*** bemerken, wahrnehmen
**rimes-o** Rimesse, in Zahlung gegebener Wechsel
**rimors-o(j)** Gewissensbisse, a. **konsciencriproĉoj**
**ripet-i*** 1. repetieren, etw. wiederholen 2. etw. nachsprechen
**ripoz-i*** (sich aus-)ruhen; **--domo** Erholungsheim
**risk-i* (ion)** (etw.) riskieren, wagen

**Komplementa Vortaro X**

Walter von Waldowski

# P

**pinastr-o** Strandkiefer (Pinus pinaster)
**pind-o** Pint(e) (engl.-amerikan. Hohlmaß) = 0,568 l
**pint-o*** Spitze, a. Land- o. Berg...
**pipr-o*** Pfeffer; **--oarbedo** ...strauch (Piper nigrum); **--oeŭkalipto** Blauer Gummiholzbaum (Eucalyptus piperita); **--omento** Pfefferminze
**pirakant-o** Feuerdorn (bot. Pyracantha coccinea), a. **„fajrodorno"**
**piramidal-o** Pyramidenpappel (Poplus pyramidalis) **specio de poplo"**
**pirat-o*** Pirat, Seeräuber
**piretr-o** Pers. Kamille, Bertramwurz (Pyrethrum); **--a pulvoro** Insektenpulver
**pirit-o** (min.) Pyrit, Schwefelkies
**pirofor-o** Pyrophor, (Selbst-)Zünder
**pirometr-o** Pyrometer, Hitzegradmesser
**pizang-o** Pisang, Bananenstaude (bot. Musa), a. **bananujo**
**plaĉ-i*** gefallen, belieben
al **plak-o** Platte; **fasko de --oj** ...nsatz (der Akkumulatoren); **fundamenta --o** Grund...; **kruc--ajo** Sperrholz...; **rektigo--o** Richt...
**plan-o*** Plan, Absicht, Entwurf, Grundriß
**planimetri-o** Planimetrie, Flächenlehre
**plankton-o** Plankton, schwimmende Kleinlebewesen der Gewässer
**plant-i*** pflanzen, anbauen
**plas-i** (Geld) anlegen, ä. **ŝparloki**
**plastik-o*** Plastik, Körperlichkeit, a. Bildhauerkunst
**platale-o** Löffelreiher (Platalea)
**platip-o** Schnabeltier, a. **„bekbesto", (ornitorinko)*** s. d.
**pleb-o*** Plebs, unterste Klasse im alten Rom
**plektr-o** Plektron, (muz.) Anschlagplättchen (für Zupfinstrumente), a. **(plukilo)**
**plesiosaŭr-o, (pref.) pleziozaŭro** Riesenechse Plesiosaurus
**plezur-o*** Vergnügen; **--ego** Wonne
**plik-o** (pat.) Weichselzopf
**pliocen-o** Pliozän, (geol.) jüngere Braunkohlenformation
**plomb-o** Plombe
**plosiv-o** (fon.) Verschlußlaut: (g, k, t. ...)
**plot-o*** Plötze, Rotauge (Leuciscus rutilus)

**ploton-o** (mil.) Ploton, Rotte, Abteilung
**plumo•** (Vogel- o. Schreib-)Feder; **--dianto** ...nelke (Dianthus plumarius); **--pilko,** a. **volano** ...ball; **desegno--o** Zeichen...; **rondskrib--o** Rundschrift...
**plump-a** plump, ungraziös, übermäßig dick, a. **malgracila**
**plutokrat-o•** Plutokrat, Finanzgewaltiger; **--io•** ...ie, Vorherrschaft der Reichen
**plutonj-o,** (-io) (radioaktiver Grundstoff) Plutonium
**pluv-o•** Regen; **--torento** Wolkenbruch; **nebulpluveti** nieseln; **spur--i** sprüh...nen; **--instigo** künstliche Regenmachung
**pluvi-o** Regenpfeifer (ehem. Pluvialis, jetzt Charadrius pluvialis)
**pneŭmatik-o** 1. Lehre vom Luftdruck 2. Gummibereifung; **--ŝelo** Mantel
**poefag-o** Jak, Grunzochs (Poëphagus)
**poet-o** Dichter; **--iko Poetik,** Regeln der Dichtkunst
**poker-o** (Kartenspiel) Poker; **--i** ...n
**polder-o** Polder, dem Meere abgerungenes Land
**polemik-o•** Polemik, Gegenargumentation, Federkrieg
**polemonj-o** (-io) Sperrkraut, Himmelsleiter (Polemonium)
al **polen-o** Blütenstaub; **--ado** Bestäubung, **perakva, perventa, perinsekta k. mem--o** Wasser-, Wind-, Insekten- u. Selbst...
**poliandri-o** Polyandrie, Ehe mehrerer Männer mit derselben Frau
**poliant-o** Nachthyazinthe (bot. Polyanthes)
**poliedr-o** (geom.) Polyeder. Vielflächner, a. **multedro**
**poliglot-o•** Vielsprachler, a. **multlingvulo**
**poligon-o•** 1. (bot.) Knöterich (Polygonum) 2. (geom.) Vieleck
**poligonat-o** Salomonssiegel (bot. Polygonatum), a. **„sigelo de Salomono"**
**poliklinik-o** Poliklinik, Stadtkrankenhaus (mit Fachärzten)
**polikromi-o** 1. Vielfarbigkeit 2. Polychromie, Mehrfarbendruck
**polinom-o** (mat.) Polynom, durch mehrere durch + o. — verbundene Glieder ausgedrückte algebraische Größe
**poli-o(mjelito)** = infanparalizo (pat.) Poliomyelitis, Kinderlähmung
**polip-o•** 1. (zoo.) Polyp, Vielarm (Polypus) 2. **Gewächs auf der** Schleimhaut
**poliplektr-o** Spiegelpfau (Polyplectron)
**polipor-o** Porling (bot. Polyporus), a. **porfungo,** dz. **daŭrema --o** Dauerporling (P. perennis)
**politeism-o** Polytheismus, Glaube an mehrere Götter, **--isto** ...ist
**polp-o** Krake (achtarm. Kopffüßler Polypus)
**polus-o** (geo., el., mag.) Pol; **--duo** Dipol(antenne); **--ŝuo** Polschuh; **--igi** polarisieren
**polv-o•** Staub; **sen--igi** entstauben; **sen--igilo** Entstauber

**rak-o** Raufe, Gepäcknetz; **botel--o** Flaschenkasten, **ciklo--o** Fahrradständer
**rakont-i*** erzählen
**ral-o** Wiesenralle, -knarrer (bird. Crex)
**rali-o** (aŭtomobilista, kampadista) Treffen
**ramadan-o** Ramadan, Fastenmonat der Mohammedaner
**ramfast-o** Pfefferfresser, Tukan (bird. Rhamphastus)
**ran-o*** Frosch; **--vesto** Froschhaut, Schutzanzug für Höhlenforscher
**rapidordigil-o** Schnellhefter; **rapidumo** Gang (e. Motorfahrzeugs); **--ŝanĝilo** Gangschalter; **--ilo** Ganghebel
**rapir-o*** Rapier, Schläger, langer Fechtdegen
**raport-i*** berichten, melden; **--o** 1. Bericht 2. (mat.) Verhältnis
**rapsod-o** Rhapsode, wandernder Sänger u. Rezitator
**ras-o*** Rasse, (a. bot., zoo.)
**rastral-o** Rastral, Notenlinienzieher
**rav-i*** entzücken, bezaubern; **--iteco** Entzücktsein
**rea-o** Nandu, Pampastraus (Rhea americana)
**reakci-o*** Reaktion (fiz. k. pol.) **--aviadilo** Reaktionsflugzeug
**reaktor-o** Reaktor, Uranmeiler
**real-o** Real, (Reis), (span.-port. Münze)
**recital-o** (muz.) Solovortrag e. Künstlers (auf e. Instrument)
**recitativ-o*** Rezitativ, Sprechgesang
**redut-o** (mil.) allseitig geschlossene Schanze
**ref-o*** Reff, (Verkürzung d. Segel); **--ilo** Schnurwerk dazu
**refektori-o, -jo** Refektorium, Speisesaal (in Klöstern und Schlössern)
**refer-i** referieren, Bericht erstatten; **--punkto** (fiz.) Nullpunkt (einer Skala)
**referendari-o** Referendar
**refleks-o** Reflex 1. ...bewegung 2. (opt.) Widerschein
**reformaci-o*** (rel.) Reformation; **reformator-o** Reformator
**regat(t)-o** (sp.) Regatta (Bem. Doppel „T“ fundamentwidrig und überflüssig, da Verwechselung durch den Mittext ausgeschlossen wird)
**region-o*** Gebiet, Landstrich, Gegend (a. anat.); **--ismo** Kirchturmspolitik, -perspektive
al **registr-i*** registrieren, eintragen; **--ejo** Registratur; **magnetofona --ilo,** a. **magnetofono** magnetophon. Aufnahmeapparat; **--a balono** Registrierballon (met.)
**reglament-i** reglamentieren, durch Vorschriften regeln
**regol-o*** Goldhähnchen (bird. Regulus)
**regul-o*** Regel; **--ilo** (tek.) Regler, **centrifuga, konusa, risorta --o, --aro** Satzung; **--ilo** de sentemo (el.) Schwundausgleicher
**reĝ-o** (pol.) König, (sp.) a. bei Schach u. Kartenspiel ...

**puf-o** (Kl.) Puff, Bausch, Wulst; **--kuko** (Kk.) Windbeutel; **--blovi** aufblasen
**pulĉinel-o*** Hanswurst, Clown; **--ludo** Kasperletheater
**pulkv-o** (Kk.) Pulque, mexikan. berauschendes Getränk aus Agavensaft
**pulmonarj-o,** (-io) Lungenkraut (Pulmonaria)
**puls-o*** Puls(schlag); (el.) Stromstoß
**pulsatil-o** Kuhschelle (Pulsatilla)
**pulv-o*** (Schieß-)Pulver; **--ujo** Kartusche
**pulvor-o*** Pulver, staubfein gemahlener Stoff; **--igilo** ...mühle
**pum-o** Puma, Silberlöwe (Felis concolor)
**pund-o** (engl. Münze) Pfund
**punkt-o** Punkt; **aplomba --o** Ausrufezeichen; **kontakt--o** Berührungs...
**puritan-o*** (rel.) Puritaner; (f.) sehr sittenstrenger Mensch
**purpur-o*** Purpur 1. -farbe 2. -stoff, -tuch
**pus-o** (med.) Eiter; **--akno** ...pickel, a. **pustulo**
al **puŝ-i*** stoßen; **re--ado** (psik.) Verdrängung
**putr-i*** faulen, verwesen; **--ema** leicht faulend
**puzl-o** Puzzlespiel, kp. **ĵigo**
**puzolan-o** (kem.) Puzzulan, Zuschlagstoff zum Mörtel
al **rab-i*** rauben; **--mevo, lestro** Raubmöve (Lestrus)

# R

**rabat-o*** Rabatt, Preisnachlaß
**rabd-o** Wünschelrute; **--ismo** Rutengängerei, kp. **radiestezo**
**rabi-o*** (pat.) Tollwut; (f.) sinnloser Jähzorn
**raci-o*** Vernunft, Denkvermögen; **--iganto** Rationalisierer
**radi-o*** Strahl 1. (fiz. — el., opt.) gradlinie Ausstrahlung: **alfa-, beta-, elektro-, gama-, kanal-, katodaĵ, kosmaj, ultraruĝaj, ultravioletaj ktp. --oj** 2. (geom.) Radius, Halbmesser; **--oaktiva** ...aktiv; **--aktiveco** ...aktivität; **--bildigo** Bildfunk, a. **televido; --obiologio** ...biologie, **--obirilo** Funkpeiler; **--okomunikado** Funkverbindung, Funknachricht
**radiestezi-o** Strahlungsempfindlichkeit (d. Rutengänger)
**radik-o*** Wurzel (bot. k. mat.)
**radikal-o** Radikal (kem.)
**rafaned-o** Radieschen (Raphanus), kp. **rafano**
**rafin-i*** 1. (kem.) reinigen, läutern, raffinieren 2. (f.) verfeinern (Stil o. Ausführung)
**raĝa-o** Raja, nichtislamit. Untertan in der Türkei
**raj-o*** Roche (fiŝ. Raja)
**rajt-o*** Recht, Befugnis, Anrecht; **--igilo** Berechtigungsnachweis
**raĵa-o** Radscha, Titel ind. u. malai. Fürsten

**pomolog-o** Obstkenner, Pomologe; **--io** Obstkunde
**pomp-o*** Pomp, Prachtentfaltung; **--dalioj** Schmuckdahlien (mit breiten Petalen); **ĉina ---junipero** Chin. Prachtwacholder
**ponĉ-o** (kl.) Poncho (südamerikanischer Überwurfmantel)
**pone-o** Ponny
**ponĝe-o** (tekst.) Pongé
**pontifik-o** Pontifex, Kirchenfürst
**pop-o** Pope, griech.-kathol. Geistlicher
**popol-o*** Volk; **--diro** volkstüml. Redensart, Volksmeinung
**pork-o*** Schwein; **sovaĝa --o = apro** Wildschwein
**portepe-o** Portepee, Degengehänge
**portik-o*** (ark.) Portikus, Säulenhalle
**portulak-o** Portulak (bot. Portulacca)
**posed-i*** besitzen, haben; **--atestilo** Besitzurkunde; **mal--igo** Enteignung
**postament-o** Postament, Untergestell, Sockel, kp. **piedestalo**
**posten-o*** (mil.) Posten, (socia) Amt, Stellung; **--i boaton** e. Boot bemannen; **--i kiel** Dienst tun als
**postiĉ-o** etw. Nachgemachtes; Angefügtes, z. B. **harligo, peruko**
**poŝ-o*** (Kl.) Tasche
**poŝt-o*** Post; **--repage** unter Nachnahme
**potenc-o*** Macht, Kraft, (mat.) Potenz
**potenciometr-o** Potentiometer, Kompensator
**potentil-o** Fingerkraut (bot. Potentilla), **ansera, printempa, rampanta, starema k. sepfingra --o** Gänse-, Frühlings-, Kriechendes, Aufrechtes, Siebenfingriges ...
**potern-o** (mil.) Hinterpförtchen, Ausfalltor
**poul-o** Pool, Abkommen zur Verteilung der Gewinne
**pov-i** können, vermögen; **--umo** (el.) Leistung
**poziton-o** Positon, positiv geladenes Elektron
**pragmatism-o** Pragmatismus
**praktik-o*** Praxis, Ausübung, Anwendung (des Gelernten)
**pratinkol-o** Wiesenschmätzer (Bird. Pratincola)
**prebend-o** Präbende, Pfründe
**predikativ-o** (gr.) Prädikativ, Aussagewort, Prädikatsteil
**predikt-a tempo** (gr.) Voraussagezeit : mi estas skribonta
**prefekt-o*** Präfekt, Statthalter, Landpfleger; **--ejo** Präfektur
**prefer-i*** bevorzugen, lieber haben; **--inda** vorzuziehen
al **preĝ-i*** beten; **--flageto, --muelilo, --turnilo** Gebetsfahne, ...mühle, ...kurbel (der Tibetaner)
**prelat-o*** Prälat (Titel für hohe geistl. Würdenträger)
**preleg-o** Vorlesung
**prem-i*** drücken; **sub--i** unter...
**premi-o*** Prämie, Ehrenlohn, Sonderzuweisung
**premis-o*** (log.) Prämisse, Vordersatz, Voraussetzung
**prepar-i*** präparieren, vor- o. zubereiten; **sin --i** sich ...

**prepost-o** (kat.-rel.) Propst, kp. **parohestro**
**pres-i*** drucken; **--ilo** Druckpresse; **trans--ilo** Plättmuster
**presbiter-o** Presbyter, Kirchenältester; **--ianismo** ...ianismus; **--iano** ...ianer
**prestigi**ʻ**-i** fingerkünsteln, a. **fingre jongli**
**prestigitator-o** Taschenspieler, a. **blufisto, (rapid-)jonglisto**
**pretor-o** Prätor, höherer Rechtsbeamter (im alten Rom)
**prezid-i*** präsidieren, den Vorsitz führen; **proaĝa --anto** Alterspräsident; **--ento** (Staats)Präsident; **--iumo** Präsidium
**prikl-i** (bot.) pikieren, (Sämlinge) umpflanzen
**primadon-o** Primadonna, erste Sängerin
**primas-o** Primas, Titel für erste Erzbischöfe
**primat-oj** (zoo.) Primaten, höchste Ordnung der Säugetiere
**primic-oj** (rel.) Erstlinge, Erstgeborene
**primus-o** (tek.) Primuskocher
**princip-o*** Prinzip, Grundwahrheit, Grundsatz
**prior-o*** Prior, Oberster eines Klosters (in einigen Orden dem Abte, **abato,** unterstellt)
**prist-o** = **segfiŝo** Sägefisch (Squalus Pristis)
**privilegi-o*** Privilegium, Sondervorrecht
**prizon-o** = **malliberejo** Gefängnis
**probabl-a*** wahrscheinlich, vermutlich, ä. **verŝajna**
**problem-o*** Problem, ungelöste Frage o. Aufgabe
**procent-o*** Prozent, vom Hundert, Hundertteil
**procesi-o*** Prozession, feierlicher Umzug; **torĉa --o** Fackelzug
**procez-o** (Krankheits-)Verlauf
**produkt-i*** produzieren, herstellen, erzeugen; **super--ado** Mehrerzeugung, Überproduktion
**profan-i*** profanieren, herabsetzen, entweihen
**profesi-o*** Profession, Beruf, Erwerbszweig; **--konsilanto** Berufsberater; **--konsilantejo** ...beratungsstelle
**profit-i*** profitieren, Gewinn o. Nutzen aus etw. ziehen
al **profund-a** tief; **kampa --o** (fot.) Schärfentiefe
**prognat-a** (anat.) prognatisch, vorspringend (Kiefer o. Nase)
al **program-o** Programm **en--igi** auf's ... setzen
**progres-i*** fortschreiten, vorwärtskommen
**progresi-o** (mat.) Progression, gesetzmäßige Steigerung
**projekci-o*** Projektion 1. zeichnerische Darstellung eines Körpers o. Landes nach geometrischen Gesetzen 2. (opt.) Werfen eines Lichtbildes auf Wände o. Schirme
**projekt-o*** Projekt, Plan, Entwurf, Vorhaben
**projektil-o** (mil.) Projektil, Ferngeschoß, dz. **interkontinenta --o**
**prokonsul-o** (hist.) Prokonsul
**proksimumad-o** (mat.) Wahrscheinlichkeitsrechnung
**prolet-o** Prolet
**prolifer-a** (biol). sprossend, prolifer
**pronel-o** Hecken-Braunelle, Bleikehlchen (Prunella)

**propag-i** 1. (fiz.) (gradlinig) ausbreiten 2. (med.) (Krankheiten) aus- o. verbreiten; **--iĝi** sich ...
**propagand-o*** Propaganda, Werbung für Ideen
**propedeŭtik-o** Propädeutik, Vorschule einer Wissenschaft
**proporci-o*** Proportion 1. (Größen-)Verhältnis, Angemessenheit 2. (mat.) Verhältnisgleichheit: 3 : 4, 9 : 12 ktp.
**propozici-o*** (gr.) Proposition, Satzteil mit Verb u. selbständigem Sinn
**prospektor-o, prospektist-o** Prospektor, Erzschürfer
**prosper-i*** gedeihen, vorwärtskommen, prosperieren
**potagonist-o*** Protagonist, 1. Hauptdarsteller (beim griech. Theater) 2. (f.) Vorkämpfer, Bahnbrecher
**prote-o, olm-o** Olm (zoo. Protëus)
**protekt-i*** **(iun kontraŭ)** beschützen, beschirmen (jmd. gegen)
**protestant-o*** (rel.) Protestant, Evangelischer
**protoplasm-o** (biol.) Protoplasma, Urschleim (der Zellen)
**prototip-o*** Prototyp, Urbild, Vorbild, Muster, ä. **pratipo**
**protozo-oj** Protozoen, Urtierchen
**protuberanc-o** 1. Protuberanz, (astr.) Gasfackeln d. Sonne 2. (med.) hervorragende Beule, Schwellung
**prov-i*** (aus-)probieren, versuchen, zum ersten Male tun
**proviant-o*** Proviant, Mundvorrat
**provincialism-o** Provinzialismus, in der ... üblicher Ausdruck
**provok-i*** provozieren, herausfordern, reizen (a. med.)
**provos-o** Profoß 1. Feldrichter 2. Stockmeister 3. Gefangenenwärter
**prozodi-o*** Silbenmeßkunde, Versmaßlehre, a. **metriko**
**(prozopope-o)** Prosopopöie, Vermenschlichung, Personifizerung d. unbelebten Natur, a. **personigo**
**prunt-i*** **(al iu)** (jemandem) leihen, borgen; **--i (de iu)** von jmd. etw. leihen; **--oficejo = lombardejo** Leihhaus; **--vorto** Lehnswort
**prurig-o** (pat.) Prurigo, juckende Hautflechte
**prus-o** Preuße
**psalter-o** Psalter (muz.) Begleitinstrument
**psik-o** Psyche, Seele; **--astenio** ...asthenie, Nervenschwäche; **--iatro** Psychiater, Facharzt für Geisteskrankheiten; **--iatrio** ...iatrie, Seelenheilkunde; **--ogena** seelisch bedingt; **--ologo** ...ologe; **--opato** seelisch Kranker; **--io** ...ie
**psitak-o** Graupapagei (Psittacus)); **---ozo** (med.) Papageienkrankheit
**pteridj-o,** (-io) Adlerfarn (Pteridium aquilinum), a. **„aglofiliko“**
**pterop-o** Flughund (Pteropus)
**publik-o*** Publikum, Allgemeinheit, Öffentlichkeit
**pudr-o*** Puder

**R** (Fortsetzung von Seite 10)

**Rabatt / ... geben** rabati;
**rächen / das wird sich ...** malbonaj sekvoj ne forrestos; tio sekvigos malbonon;
**Rad / aufs ... flechten** radŝiri; **ein ... schlagen** (pavo) montras radon; (knabo) radmoviĝas; **das fünfte ... am Wagen** la kvina rado ĉe la veturado; superfluo malboniĝas la ĝuo; **unter die Räder kommen** degliti de la ĝusta vojo;
**Raison / j—n zur ... bringen** konduki iun al prudento; obeigi;
**Rampe / im ...nlicht der Öffentlichkeit stehen** stari en la hela lumo de la publikeco;
**Rand / außer ... und Band sein** esti senbrida; ekstravaganci; **zu ...e kommen mit** kapabli fari; scii manipuli; veni al la celo; **am ...e vermerken** noti (rimarkigi) pretere (pasante);
**Rappen / auf Schusters ... reiten** veturi sur sia paro da ŝuoj (kruroj);
**rappeln / es rappelt bei ihm** li frenezetas;
**Rat / sich ... holen bei** demandi iun; konsulti (kuraciston); **sich keinen ... wissen** ne scii kion fari; **da ist guter ... teuer** konsilu, kiu povas! jen situacio sen eliro; **... schaffen** trovi rimedon; **zu ...e halten** ŝpari; ekonomii; **zu ...e ziehen** demandi iun; konsulti iun;
**Rauch / da steigt ... in dicken Schwaden** tie iras fumo per densaj nuboj; **wo ein ... ist, ist auch ein Feuer** kie estas A, ankaŭ estas B;
**Raum / ... geben** cedi lokon al;
**Raupe / ...n im Kopfe haben** strangajn ideojn;
**raus / das ist noch nicht ...** tio ankoraŭ ne estas certa; tion oni ankoraŭ ne scias; tio ankoraŭ estas birdo sur la tegmento; estas ankoraŭ pasero en la aero; inter la mano ĝis la buŝo ofte disverŝiĝas la supo; ankoraŭ la ezoko ne estas sur la hoko; ĝi ne eliris ankoraŭ el malproksima nebulo;
**rechnen / sich etw zur Ehre ...** rigardi ion kiel honoron; **jemand zu den Eifrigen ...** rigardi iun fervorulo; **das kann man für nichts ...** tion oni rigardas nenio; **eins ins andere gerechnet** konsiderante la tuton; **schlecht gerechnet eine Stunde** minimume;
**Rechnung / auf seine ... kommen** atingi sian profiton (utilon); kontentige profiti; trovi sian profiton; **für meine ...** por mia kalkulo; **in ... stellen (setzen)** enskribi en la konton (debeton) de; enkontigi (fig.) kunkalkuli; konsideri iun (ion); **einer Sache ... tragen** agi konsidere al; **auf Ihre ... und Gefahr** je via konto kaj risko; **einer Sache ... tragen** konsideri (la cirkonstancojn); **... führen** noti ĉiujn en- kaj elspezojn; **laufende ...** konto kuranta; **auf ... kaufen** aĉeti kredite; **die ... ohne den Wirt machen** fari kalkulon sen la mastro; **... ablegen** prezenti la bilancon por kontrolo;
**recht / ihm ist ... geschehen** kiel li meritis, tiel li profitis; prave li ricevis; prave punite laŭmerite; ricevis bandito laŭ sia merito; bona puno por malbona peno; tio estas tre utila al vi; **das ist dir ...!** tion vi meritas! tio estas tre utila al vi; **wenn es dir ... ist** se vi konsentas; **... tun** fari sian devon; **... haben** esti prava; **es allen ... machen** kontentigi ĉiujn; eĉ anĝelo ne povas; **... betrachtet** konsiderinte ĉion; **nun erst ...!** nun spite!; **nach Fug und ...** sur leĝa bazo; leĝe kaj rajte; **... so!** bone!; **mir ists ...** mi konsentas; **j—m ... geben** konstati ies pravecon; **mit ...** tute ĝuste; tute prave; **er hat ... bekommen** oni konstatis, ke li estas prava; **... und billig** justa kaj akceptebla; **man kann es nicht allen ... machen** klopodi pri ĉies favoro estas plej malsaĝa laboro; **die ...e soll nicht wissen, was die linke tut** la dekstra mano ne sciu, kion faras la maldekstra; **zur ...en stehen** stari dekstre; **auf dem ...swege** per juraj rimedoj; **von ...s wegen** laŭ juro; sur leĝa bazo; leĝe kaj rajte; **unter Ausschluß des ...sweges** elbarante juran procedon;
**rechts / ... um;** dekstren turnu vin!;
**Rede / j—n in die ... fallen** interrompi ies parolojn; **die ... bringen auf** turni la konversacion al; **... stehen** respondi; klarigi la kaŭzojn; **zur ... stellen** postuli klarigon; **eine ... halten** fari paroladon; **die ... kam auf** la babilado turniĝis al; **davon ist jetzt nicht die ...** pri tio nun ne estas parolata; **davon kann gar keine ... sein** neniel estas konsiderinda; **nicht der ... wert** bagatela; ne inda por esti menciata; **es geht die ...** oni diras, ke;
**reden / j—m nach dem Munde ...** paroli por plaĉi al iu; **ins Gewissen ...** paroli al ies konscienco; **mit sich ... lassen** esti akceptema por admonoj; **... ist Silber, Schweigen ist Gold** ju cerbo pli prudenta, des lango pli silenta; parolo estas arĝento, oron similas silento; **viel ...s machen von** fari multe da bruo pri;
**Regel / in der ...** normale; ĝenerale; ordinare; kutime; **nach allen ...n der Kunst** laŭ ĉiuj leĝoj de l'arto;
**Regen / auf ... folgt Sonnenschein** kio komenciĝis, tio ankaŭ finiĝos; nek ĝojo nek malĝojo daŭras eterne; **aus dem ... in die Traufe kommen** trafi el sub pluvo en riveron; el flamo sin eltiri, sin fajron eniri; tapiŝon ne deziri, maton akiri; trafi de Scilo al Ĥaribdo; ne voli rajdi sur ĉevalo, ekrajdi sur azeno;
**Regiment / das ... führen** regi; komandi; mastri; estri; **auf ...skosten leben** vivi el la ĝenerala poŝo;

**reiben / j—m etw unter die Nase ...** flarigi ion al iu; **sich an j—m ...** serĉi konflikton kun iu;

**reichen / j—m das Wasser ...** neniel esti komparebla kun; neniel atingi iun;

**Reichtum / ... und Stolz wachsen auf einem Holz** se malriĉulo sukcesas, li ĉiujn forgesas;

**Reifezeugnis / er hat das ...** la ateston de matureco;

**Reihe / nach der ...** laŭvice; laŭorde; **ich bin an der ...** estas mia vico; **in die ... stellen** envicigi; **in ... und Glied** laŭ vicoj; **aus der ... tanzen** agi malkonforme;

**reimen / wie reimt sich das zusammen?** kiel tiuj aferoj akordiĝas?, (kongruas)?;

**rein / etw ins ...e bringen** reguli aferon; **ins ...e schreiben** nete skribi; **mit einander ins ...e kommen** akordiĝi; **...en Wein einschenken** diri la (nudan) veron; **...en Tisch machen** fari aferon neta kaj glata; **...en Mund halten** konservi sekreton; **vom ...sten Wasser** tute klara; tipa; plej perfekta; **sich von seinen Fehlern ...waschen** fordisputi siajn malperfektaĵojn;

**Reise / glückliche ...!** bonan vojaĝon!; **auf ...n gehen** ekvojaĝi; forvojaĝi;

**reißen / Witze ...** fari ŝercojn; **Zoten ...** diri malĉastaĵojn; **etw an sich ...** tiri al si; uzurpi (regnon): **sich um etw ...** batali por io;

**reiten / der Teufel reitet ihn** la diablo lin pelas;

**rekrutieren / sich ... aus** konsisti el; devenas de;

**Respekt / sich in ... setzen** igi sin respektata; **mit ... zu melden** kun (via) permeso;

**Rest / j—m den ... geben** doni la finfaran baton al iu;

**retten / er hat die Situation gerettet** li forigis la embarason;

**Reue / das reut mich** mi pentas tion;

**richtig / du bist wohl nicht ganz ...?** ĉu vi estas frenezeta (nenormalpensa)?; **du bist mir der ...e** vi ja havas strangajn (oblikvajn) ideojn; **an den ...en kommen** trafi sian adreson;

**richten / zugrunde ...** pereigi; ruinigi; **an den richtigen kommen** trafi sian adreson; trovi sian majstron;

**Richtung / eine andere ... einschlagen** alie direktiĝi; ŝanĝi la direkton; **nach allen ...en** ĉi(udirekt)en

**riechen / j—n nicht ... können** li estas malsimpatiega al mi; li naŭzas min;

**Riegel / einer Sache einen ... vorschieben** haltigi (ĉesigi) aferon;

**Riemen / sich an den ... reißen** streĉi siajn fortojn; peni; **sich den ... enger schnallen** sin butonumi malvaste; sin enpremi en funelon;

**ringen / mit dem Tode ...** agonii; **nach Worten ...** pen(eg)e serĉi vortojn;

**Röhre / in die ... gucken** ŝiriĝis fadeno sur la bobeno; krevis la vazo antaŭ la nazo; plenumiĝis la tasko per granda fiasko;

**Rolle / aus der ... fallen** devojiĝi; de sia rolo; ne konsekvenci;

**Rom / er war in ... und hat den Papst nicht gesehen** li estis en Romo kaj ne vidis la papon; **... wurde nicht an einem Tag erbaut** ne en unu tago elkreskis Kartago;

**Roß / hoch zu ...** fiere rajdanta; sur alta ĉevalo;

**rot / heute ... morgen tot** hodiaŭ forto, morgaŭ morto; hodiaŭ festene, morgaŭ malplene; **...es Tuch für ihn** incitilo; „ruĝa tuko";

**Rücken / sich den ... freihalten** lasi vojon por returniro; resti sendependa; **den ... decken** ŝirmi la dorson; **in den ... fallen** ataki de malantaŭe; **hinter meinem ...** sen mia scio; kaŝe por mi; **j—m den ... stärken** fortigi ies pozicion; apogi iun; **an j—s Stelle ...** anstataŭi iun; avanci al ies loko; **...deckung suchen** serĉi moralan (spiritan) apogon ĉe; peti pri apogo; **...halt geben** fortigi ies pozicion; apogi iun;

**Ruder / ans ... kommen** fariĝi direktanto; ekregi;

**rufen / ins Leben ...** ekzistigi; **zur Ordnung ...** admoni al ordo; **das kommt wie gerufen** tio venas kvazaŭ vokita kaj petita; estas tre bonvena; **im Rufe eines ... stehen** havi la famon de ...;

**Ruhe / zur ... kommen** trankviliĝi; kvietiĝi; **laß mich in ...!** lasu min trankvila!; ne ĝenu min! **sich zur ... setzen** demeti oficon; pensiiĝi; **sich zur ... legen** enlitigi sin; **... seiner Asche!** pacon al lia cindro! **ich habe keine ..., bis ...** mi ne estos kontenta (kvieta), ĝis ...; **j—n aus der ... bringen** malkvietigi iun; **... sanft!** ripozu trankvile!; **wünsche wohl zu ...n!** bonan nokton!; **in den ...stand versetzen** emeritigi; **im ...stand leben** vivi emerite;

**ruhig / er lebt ... und zufrieden** li vivas glate kaj sate;

**rühren / sich nicht von der Stelle ...** ne formoviĝi; **rühr dich nicht** silentu! ne movu la buŝon; ne ekpepu!;

**rund / es geht ...** la cirko (tumulto) nun komenciĝos; **... heraus gesagt** nete (malkaŝe) dirite; **... zwei Stunden** (li restis), ni diru, du horojn; **die ...e machen** rondiri; cirkuli; patroli; **...kommen mit etw (auskommen)** tio sufiĉas por mi;

### Landa renkontiĝo de Hungara Esperanto Junularo (HEJ)

En Dunaujvaros, kiu situas 70 kilometrojn sude de Budapest, okazis inter la 30-a de aprilo kaj la 2-a de majo tutlanda renkontiĝo de HEJ. Ĉi tiu renkontiĝo okazis en la kadro de la „Tagoj de la Junularo", kiun organizis la hungara Asocio de Komunista Junularo en Dunaujvaros.

Dunaujvaros elkreskis en la najbareco de fiŝista vilaĝo en la jaro 1950. La Dunai Vasmü (Danuba Feruzino) formanta la karakteron de la urbo estas la unua tiaspeca metalurgia uzinego en Hungario.

Komune kun dek aliaj eksterlandanoj el Pollando, ĈSSR kaj Jugoslavio mi partoprenis je ĉi-tiu renkontiĝo. Vespere la 30-an de aprilo okazis la unua renkontiĝo de la eksterlandanoj kun ĉ. 50 junaj hungaraj Esperantistoj. Ĉiuj partoprenantoj de tiu ĉi renkontiĝo demonstraciis antaŭtagmeze de la 1-a de majo komune kun la loĝantoj de Dunaujvaros por la paco en la tuta mondo. Digna fino de tiu ĉi internacia bataltago de la laborklaso estis la prezentado de la „Auschwitz-Oratorio" de Alina Nowak en la plenumo de s-ino Alczewska-Klus (Polando). La „Auschwitz-Oratorio" substrekis por ĉiuj partoprenantoj, kial la batalo por la paco tiel gravas. La tutlanda renkontiĝo de HEJ finiĝis por la eksterlandanoj per tagmanĝado en originala cigana restoracio. Tiu ĉi renkontiĝo en Dunaujvaros donis el ĉiuj partoprenintoj la eblecon fortigi la fratajn rilatojn unter la junaj Esperantistoj de la socialismaj ŝtatoj.

*F. P. Kurtz, Schwerin*

### La junuloj el Dresden aktivas

La junulaj esperantistoj de Dresden laboras ĉijare laŭ konkreta plano. Ĉar multaj grupoj povus fari similan programon, lernante de la Dresdenanoj, ni publikigas kelkajn ĉefpunktojn. Jen: vizitoj en la zoologia ĝardeno, en barokĝardeno; prizorgo de esperantista infangrupo el Melnik (ĈSSR); amuza kunesto; semajnfina vojaĝo al Wroclavo; popolkleriga prelego pri Esperanto; vizito de Botanika ĝardeno; pola verspero; vizito de indiana muzeo; silvestra balo de la junularo. Ĉu nur la dresdenanoj povas realigi interesan programon?

### Kanzonoj en Esperanto

Jen, kio ankoraŭ mankas al ni (inter alie) kantgrupo esperantlingva. La 18-an de majo 1971 oni povis aŭdi en Chanson-Klub de la Germana Kulturligo Berlin-Lichtenberg ne nur kanzonojn en la lingvoj franca, angla, rusa kaj germana sed ankaŭ en la internacia lingvo.

Membro de la klubo s-ino Gerda Lapoehn antaŭ pli ol 20 aŭskultantoj kantis do ankaŭ en Esperanto. Jen, frukto de klopodoj (tre originalaj) de Dieter Berndt. Ĉu ni finfine ankaŭ havos kanzonistojn, kapablaj kanti esperante? Por la arta kadro de diversaj aranĝoj, konferencoj, distriktaj renkontiĝoj k. s. tio sendube estus bonega.

**Fahrt nach Leningrad sicher**

Die für dieses Jahr geplante Sonderfahrt von DDR-Esperantisten nach Leningrad konnte leider nicht realisiert werden, da der gewünschte Termin (Juli) bereits ausgebucht war. Aus dieser Situation wurden Lehren gezogen, so daß für Juli 1972 bereits im Mai dieses Jahres die nötige Vereinbarung getroffen wurde. Alle Interessenten, die sich an dieser Fahrt im Juli 1972 beteiligen möchten (auch Familienangehörige, die nicht Esperanto können), schreiben bitte an Walter Röhner, 8122 Radebeul, Jägerhofstraße 4. Dauer der Fahrt 10 Tage (in Leningrad 7 Tage Aufenthalt), Preis ca. 600 Mark. Viele Begegnungen mit sowjetischen Esperantisten sind vorgesehen.

Anmeldungen sind bis Anfang November erbeten. Der genaue Reisetermin wird im Dezember 71/ Januar 72 mitgeteilt.

**Premia konkurso en „Der Morgen“**

En la kadro de la regule aperantaj Esperanto-lecionoj de Peter Levsen en „Der Morgen“ (tagĵurnalo, dimanĉa eldono, ĉiun duan semajnon, jam pli ol 250 daŭrigoj) aperis en la daŭrigo de la 22-a de aŭgusto premia konkurso.

Estus bone, se multaj esperantistoj regule aĉetus la dimanĉan eldonon de „Der Morgen“ kaj ankaŭ skribus siajn opiniojn sugestojn, kritikojn kaj proponojn pri la enhavo de la esperanta angulo. Nur la eĥo montros, ĉu vereindas daŭrigi la serion!

**Impona kursfinfesto**

Rostock: La 16-an de aprilo 46 geklubanoj kaj gekursanoj partoprenis bone organizitan kursfinan feston. La ekzamenintoj ricevis atestilojn, la 9 plej bone sukcesintaj ricevis krome libropremiojn. Distraĵoj, dancado same ne mankis kiel la promeso de la kursanoj nun pluaktivi en la kadro de la grupo.

Jen inmitinda por ĉiuj grupoj: ekzamenoj, kursfina festo, ofizialaj atestiloj pri la sukcesinta ekzameno.

*(Laŭ Balta-Maro-Informilo 33, majo 1971)*

**Nova prezidanto de DLR Rostock**

La 5-an de junio okazis en ĉeesto de la prezidanto de CLR Rudi Graetz la unua ĉijara ampleksa kunsido de DLR Rostock. Pro la peto je malŝarĝo de s-ino Hannke estis elektita nova prezidanto de DLR, kiu fariĝis ligano Günter Peters, 25 Rostock, Bremer Straße 23.

**Renkontiĝo en Tabarz**

Post la 1-a renkontiĝo de la esperantistoj el distrikto Erfurt en Weimar (4. 3. 71), la 2-an de majo el 5 lokoj kolektiĝis 32 esperantistoj por okazigi la kvaran subdistriktan renkontiĝon en Gotha. Ĝi okazis en la gastejo „Stelo“, kie jam 1932 fondiĝis la laborista Esperanto-Grupo Tabarz. El la riĉa programo speciale menciindas la raporto de R-do Habicht pri la historia vojo de la laborista Esperanto-Grupo Tabarz 1932 ĝis la fondo de nova grupo en la nuntempo. Vigle la partoprenantoj diskutis pri solvendaj taskoj en la distrikto kaj subdistriko.

**La estona klerig-ministro en Esperanto**

La 19-an de marto 1971, en la radioelsendo de la Estona Radio, la Ministro por Klerigo de Estona Soveta Respubliko, F. Eisen, parolis en Esperanto pri la estona kaj soveta lernejaj sistemoj.

### Germana-soveta amikeco per Esperanto

Ĉar mia litova amikino kaj mi ambaŭ estas geinstruistoj, kompreneble ni babiladas ankaŭ pri niaj gelernantoj. Alvenis al ni la ideo interŝanĝi desegnaĵojn de infanoj kaj ekspozicii ilin — en Litovio kaj en Germana Demokratia Respubliko Mi tial kolektis desegnaĵojn kaj sendis ilin al Kretinga, kaj mia imikino ekspoziciis ilin en sia lernejo. Tuj alvenis el Kretinga tre multaj infandesegnaĵoj. Mi kunprenis ilin al la kombinato, en kiu mi laboras; ĝi troviĝas en Hoyerswerda.

Ĉiuj rigardintoj ĝojis pri la belaj bildoj. Tiel plaĉis aparte: „Kretinga en estonteco" de Reikaite Loreta, „Paco" de Mikutis, „La kokidoj" de Ruzgaila Vytas kaj multaj aliaj, kiujn mi ne ĉiujn povas nomi.

Ĉiuj gekolegoj ĝojis pri la diligenteco, la ideoj kaj la laboremo de la litovaj infanoj. Unu monaton ni ekspoziciis la belajn desegnaĵojn, kaj multaj kolegoj elparolis al mi sian kontentecon. Ofte ili demandis, kiel mi eklernis eĉ la litovan lingvon — mi tamen devis konfesi mian malkomprenon kaj diri, ke mia amikino kaj mi korespondadas per la internacia lingvo Esperanto, kiu ankaŭ ĉi-tie pruvis sian utilitecon. Ĉiuj rigardintoj de la ekspozicio atestis, ke ĝi estis vera signo de la soveta-germana amikeco kaj ke ni ĉiuj ĉion devas fari por atingi kaj restigi la pacon al ĉiuj infanoj de la mondo kaj al tuta homaro. Mia laborkolektivo ricevis je la fino de la pasinta jaro la titolon „kolektivo de la germana-soveta amikeco" kaj apartan honoran flagon. Miaj rilatoj al soveta Litovio per Esperanto estis ankaŭ kontribuo por tiu-ĉi dekoracio.

*Fredo Kriebus, Dresden*

### Polaj amikoj en Neubrandenburg

La dua renkontiĝo de la esperanto-amikoj el la distrikto Neubrandenburg 23. 5. 1971 iĝis plena sukceso. El la partnera urbo de Neubrandenburg en Pollando, Koszalin, venis kiel reprezentanto de la Esperanto-grupo kaj de la urba konsilantaro s-ro Baranowski. Krome partoprenis la renkontiĝon s-ro Poplewski el Poznan, 1940 militkaptito en Neubrandenburg, kiu ĉifoje retrovis amikan kaj gastaman urbon en nova germana ŝtato. La unua sekretario de la distriktestraro, ligano Kadgien, malfermis per tre interesa alparolo la renkontiĝon. Post la salutvortoj de Rudi Graetz, prezidanto de CLR, sekvis referaĵo pri la sciencaj aspektoj de Esperanto de Detlev Blanke. S-ro Poplawski parolis pri sia militkaptita tempo en Neubrandenburg kaj pri interlingvistika problemo. Speciale mencindas la lumbilda prelego de s-ro Baranowski pri Koszalin. Okaze de la renkontiĝo ankaŭ estis elektita la estraro de la nova fondita Distrikta Laborrondo Neubrandenburg. Jen ĝia prezidanto: Werner Pfennig, 214 Anklam, Demminerstraße 80.

### Du gravaj artikolegoj

Ni atentigas, ke kajero 7/8 de „Paco" 1970 nun post kaj post elĉerpiĝas. En ĝi troviĝas i. a. du artikoloj de daŭra valoro: Rudi Graetz: Esperanto — amikoj de GDR por la paco — kvin jaroj da sukcesplena laboro (1 pĝ.). Detlev Blanke: „Pri la historio de internaciaj planlingvoj" (4 pĝ. kun riĉa interlingvistika kaj esperantologia bibliografio). Por ekzamenoj je pli alta ŝtubo i. a. ankaŭ tiuj materialoj devas esti konataj. Tial bv. havigi nun al vi la kajeron, se vi ĝin ankoraŭ ne havas.

# DISTRO

## Schwarzajoj

### Al gigantoj

*Vi, gigantoj ĉiulandaj,*
*estas jam denaske*
*nenormale grandaj.*
*Viaj nazoj, eĉ senmaske,*
*estas nazoj . . . nu, gigantaj!*
*Malgraŭ tio, miascie,*
*ili tamen — prorporcie —*
*estas ne pli grandaj*
*ol la nazoj de la nanoj*
*kaj de ties suĉinfanoj.*
*„Do nenio por pedante prifieri",*
*kiel trafe diris Dante Alighieri!*

**Solvo de la enigmo el n-ro 47**

**Horizontale:** hipopotamoj

**Vertikale:**
1. havi
2. pano
3. pomo
4. tedi
5. mevo
6. jako

### Metamorfozoj

*Foje, sur tabloangulo*
*deĵore atendis kulero*
*apud giganta okulo*
*de vake malplena telero.*

*Pro incito de l'fiksa rigardo*
*la kulero fariĝis.... kolero,*
*kaj sekve — pro saĝa singardo —*
*la telero fariĝis.... tolero.*

*Kolero.... Tolero....*

*Sed — pro la leĝoj de l' Kohero —*
*transkure kuniĝis tuj 'ero' kun 'ero':*
*solaj, tutsolaj en sia izolo*
*postrestis nur.... kolo kaj tolo!*

*Kolo.... Tolo....*

*Duopa izolo sugestis la rolon*
*de amatin' kaj amato:*
*La tolo, fatale, envolvis la kolon,*
*ka tiel.... naskiĝis kravato!*

---

(daŭrigo de paĝo 4)

En la Germana Demokratia Respubliko tiuj ĉi ideoj de demokratio kaj proleta internaciismo trovis sian plenan efektiviĝon. Kaj ĉiutage GDR trovas novajn kaj novajn rekonojn en la tuta mondo, precize kiel demokratia, pacamanta ŝtato de gelaboruloj.

**Demando:** Kian rolon ludas Esperanto laŭ vi en la pacbatalo?

**Respondo:** Kiam ni estis en Berlino, kamaradoj el la Kulturligo, salutinte nin, uzis koncerne Esperanto, laŭ mia opinio, tre multenhavan germanan vorton — „Weltfriedenssprache" (mondpaca lingvo). Ĝuste, Esperanto estas internacia lingvo, kiun oni povas efektive uzi kaj jam larĝe uzas por la pacbatalo. La esperantistoj de la socialismaj landoj jam montris bonan ekzemplon de tiu ĉi agado. Krom tio unu el la gravaj aferoj pri kio okupiĝas la kamaradoj en la socialismaj landoj, estas vera kaj objektiva prilumigo de niaj atingoj kaj sukcesoj en la konstruado de socialismo kaj komunismo. Rakonti la veron pri niaj landoj, pri niaj sukcesoj, pri nia vivmaniero al la tuta mondo, al ĉiuj popoloj de ĉiuj kontinentoj estas speciale necese hodiaŭ, en tempo de akuta ideologia batalo, kiam la imperialistoj ne ŝparas rimedojn por sia propaganda kun la celo prezenti nian vivmanieron, niajn atingojn en malrekta spegulo. Ili faras tion ĉiutage, ĉiuhore.

Bona armilo kontraŭ mensogoj estas la vorto de vero. Tiu ĉi vorto sonas en multaj lingvoj. Ĝi sonas kaj devas pli forte soni en Esperanto, en la lingvo de la paco kaj amikeco inter la popoloj.

*La redakcio dankas por la interparolo.*

### Ni vizitis geamikojn en Bulgario!

Niajn ĉijarajn feriojn ni travivis ĉe gekorespondantoj en la bela Bulgara Popola Respubliko. El la korespondado ni nur sciis malmulton de tiu lando kaj ĝiaj civitanoj. Ni reciproke deziris persone kontakti kaj en sunplena monato majo aviadilo flugigis nin rapide de Berlino al Sofio. Nekonante la gastlandan lingvon ni per amika esperantistina helpo sukcesis tuj trajne pluveturi tra la belega Balkan-montaro al nia celo Dve mogili en distrikto Ruse. Surprizite ni estis akceptataj per floroj kaj donacoj de esperantista pionira grupo en la stacidomo. Esperantista familio „Nejkov“ gastigis nin en sia dometo kaj regalis nin eĉ tro bone. Kvankam ni troviĝis en kamparana urbeto, la plena vivo de bulgara popolo sin montris al ni. Je la unua tago ni akompanis niajn geamikojn al la baloto por la nova socialisma konstitucio de Bulgario kaj konatiĝis kun la urba partia sekretariaro. Montriĝis la multkolora vivo de la civitanoj bulgaraj, turkaj kaj ciganaj, kiuj ĉi tie loĝas kaj laboras kune. Multtage ni tramigris la ĉirkaŭaĵon, tra vit-, cep-, maiz- kaj tomat-kampoj, ŝafpaŝtejoj, rokdeklivaj valoj kaj akaciaj arbaroj; multvespere ni estis invitataj ĉe Esperantistoj, najbaroj kaj amikoj, ĉu ĉe kamparano aŭ ĉefagronomo, ĉu ĉe laboristo aŭ urbestro. Festvespero okaze de Semajno de Bulgara – Germana Amikeco trovis nin kiel honorgastojn sur scenejo de la kulturdomo apud germana delegacio ĉe koncerto, festeno kaj popoldancoj. Kune kun pioniroj, gelernantoj kaj geinstruistoj ni festis la tagon de la kirila alfabeto, la bulgaran nacian festotagon, 24-an de majo. Per esperantista helpo ni povis viziti la pitoreskan malnovan urbon Tirnovo, la distriktan ĉefurbon Ruse kaj la majestan ĉefurbon Sofio. Ni povis ne nur admiri la belegan Rila-monaĥejon kaj grimpi super ĝi en la montoj, sed ankaŭ vidi Sofion de supre el la Vitoŝa-montaro, kie modesta turisma Esperanto-hejmo invitas ĉiujn gesamideanojn.

Trisemajna feriotempo estis plena de neatenditaj surprizoj por ni kaj ni neniam forgesos vin, bela lando Bulgario kun viaj ege gastamaj homoj kaj viglaj geesperantistoj.

*Else kaj Paul Köster*
*Rostock-Groß-Klein*

### Horizonto de Soveta Litovio Nro 2/1971

La dua same plaĉe aranĝita kajero (32 pĝ.), kiel la unua prezentas tre interesan enhavon. Jen la plej gravaj titoloj: 24-a Kongreso de KPSU; Amikeco ne havas limojn (i. a. pri la laboro de la Esperanto-Komisiono Litovia); lingvistikaj konceptoj de F. Engels; Riĉeco de Esperanto kompare kun naciaj lingvoj (tre interesa!). Pri kvanta karakterizo de vortara riĉeco; Unuaj esperantistoj en Litovio. En mezlernejoj (Espo en Litovio); plue notoj kaj informoj pri radioamatoroj, Litovaj literaturaĵoj, kantoj k. m. a. La preskvalito (multobl.) estas bona kaj klara.

Ni devas akcenti, ke la apero de tiu vere elstara revuo estas grava faktoro en la pliprofundigo de la amikeco inter la esperantistoj el la Litova Soveta Respubliko kaj Germana Demokratia Respubliko. Ni sincere gratulas al la redakcio. La revuo estas havebla (prefere interŝanĝe kontraŭ aliaj esperantaĵoj, ekzemple „der esperantist“), ĉe Societo de Amikeco, Esperanto-Sekcio, 23 2000 Vilnius, Kostiuŝkos 36, Litova SSR, Soveta Unio.

## LA GAZETARO PRI NI

*„Werftstimme"*, (Warnowwerft Warnemünde), 18. 2. 71, kvaronpaĝa artikolego kiel eltiro el letero de progresiva amerika juna esperantisto.
4. 2. 71 denove artikolego pri la vojaĝimpresoj de juna soveta esperantistino el Klaipeda, Litova Soveta Respubliko.
*„Gummiwerker"*, 12. 2. 71, granda artikolo sub la titolo „Turingio anatauen-marŝas" pri la unuaj esperanto-aktivecoj en Turingio.
*„Werkstättenexpreß"*, Delitzsch, februaro 1971, bonega grandampleksa artikolo „Esperanto-la ponto al popola amikeco".
*„Post-Echo"*, Schwerin, 30. 12. 70. „Kio estas Esperanto" (jen la originala titolo) de longa artikolo.
*„Thüringische Landeszeitung"*, Erfurt, 11. 2. 71, pri la II-a subdistrikta renkontiĝo de la esperanto-grupoj Waltershausen, Gotha kaj Tabarz.
*„Volkswacht"*, Gera, 19. 2. 71, „Esperanto-mondhelplingvo", bona superrigardo.
*„Thüringische Landeszeitung"*, Weimar, 11. 2. 71, 120 linia (!) artikolego sub la rubriko „Hobbys aus der Nähe" pri la signifo de Espo intervjuo.
*„Volkswacht"*, Gera, 3. 3. 71, 13. 3. 71, pri Esperanto-rapidkurso, same 16. 3. 71
11. 3. 71 pri solidara kunveno por Angela Davis.
*„Demokrat"*, Rostock, 23. 3. 71 granda artikolo „Salutoj el 9 landoj".
*„Der Morgen"*, Berlin, 4. 4. 71, artikolego pri la konferenco de la socialismaj Esperanto-asocioj sub la titolo „En la servo de la monda paco". Krome ĉiun duan semajnon (dimanĉe) la esperanto-kurso de Peter Levsen.
Pri la menciita konferenco same raportis
*„Neues Deutschland"*, Berlina eldono, 30. 3. 71
*„Berliner Zeitung"*, Berlin, 30. 3. 71, „Neue Zeit", Berlin, 31. 3. 71 plekse)
*„Bauern-Echo"*, Berlin, 31. 3. 71, „Die Union", Dresden, 31. 3. 71, (amplekse)
*„Der Morgen"*, Berlin, 31. 3. 71,
*„Sächsisches Tageblatt"*, Dresden, 31. 3. 71, artikolo ampleksa, signo: Verda Stelo."
*„Norddeutsche Neueste Nachrichten"*, Rostock, 26. 3. 71, pri letervespero.

---

### Funebra mitingo kaj lasta adiaŭo kun E. A. Bokarev

La 15. 3. 1971 en Moskva Instituto de Rusa Lingvo okazis funebra adiaŭo kun la forpasinta prof. E. A. Bokarev, kiun ĉeestis multe da liaj kunlaborantoj kaj gesamideanoj de Moskvo. En la mezo de granda halo en ruĝkolora ĉerko, dronanta en floroj, kuŝis la mortino. Apude en flanko staris multaj kronfloroj, ornamitaj per ruĝaj kaj nigraj rubandoj, inter kiuj estis florkrono de Moskvaj Esperantistoj kun verdaj rubandoj kaj deca esperantlingva surskribo. Mallaŭta melodio de funebra muziko estas aŭdata. En strikta silento apud la ĉerko staris po 4 personoj dum 5 min. honora gardado, inter kiuj estis ankaŭ Moskvaj gesamideanoj. Dum la funebra mitingo parolis multaj, konintaj la profesoron, personoj, ankaŭ esperantistoj pri la sciencaj kaj esperantaj meritoj de la forpasinto.

*laŭ T. Kulagin*

# Lingvomiksaĵo

En sia interesa prelego de la 10-a de julio 1967 en Rostock, profesoro d-ro Viktor Falkenhahn ankaŭ parolis pri la pseŭdoargumento kontraŭ Esperanto, ke ĝi estus lingvomiksaĵo („de“ 18/19, januaro 1968). En sia refuto prof. F. ja montras, ke same la germana la angla kaj aliaj estas tia miksaĵo, kaj ke la anglo tute nekonscie uzas tiun miksaĵon kvazaŭ ĉio estus de homogena deveno. Same ja estas en Esperanto kaj — kio kutime estas neglektata en nia argumentado — en tiu rilato Esperanto multege superas nian gepatran lingvon, la germanan. En Esperanto ĉiuj vortoj harmonie enordiĝas en la prononcado, ortografio kaj akcentado kaj tial tute egalas por ni, ĉu la unuopa vorto devenas el la franca, germana, rusa. La vortoj *'krom, nur, pro . . .'* estas por ni tute samvaloraj. Kiel alie en la germana! Centoj (aŭ miloj?) da vortoj, ĉiutage uzataj, ĝene renkontas nin. Kiel strange en la germana lingvo sonas la vortoj kun *-ion (Satisfaktion . . .)*. Ĉu vortoj kiel *Parfüm, Kampagne, Chance, Spray, Chaos, Orchester, . . .* sonas germane? Ĉu ili laŭ Duden pli ofte estas prononcitaj ĝuste aŭ pli ofte malĝuste? *'Guerilla'* kaj *'Email'* aŭ *'Emaille'* kaj multaj aliaj laŭ Duden preskaŭ ĉiam malĝuste estas akcentataj. Ja, eĉ ne plu ekzistas 'germana' lingvo, ĉar ĉe multaj vortoj Duden instruas nin, ke ili ĉe ni estas prononcataj tiel kaj en Aŭstrio tute malsame kaj laŭ alia maniere ankoraŭ en Svisio aŭ Bavario. Pli mizere por la germana lingvo rilate al Esperanto estas la rezulto, se ni komparas la ortografion. Ĉu esperantisto havas ian malfacilecon por skribi krizantemo, *ŝoseo, saŭco, burĝo, gerilo . . .*? Ĉu ne estas strange ke nur tiu germano atingas prekaŭan regadon de la germana ortografio, kiu studis la grekan kaj latinan lingvojn?

Jen evidentiĝas la absurdeco de la 'argumento' de 'lingvomiksaĵo' ofte citita kontraŭ Esperanto. Interesus min, kiagrade ankaŭ en aliaj lingvoj ekzistas fremdvortoj, ĉiutage uzataj kaj tamen ĝenaj, ne hejmaj. Eble niaj eksterlandaj legantoj respondas al tiu ĉi demando.

*L. Schödl*

---

**Litovaj Esperantistoj aktivas**

En la Riga-Esp-a Klubo (str. Imanta Sudmalis, 28) oni kolektiĝas ĉiumerkrede. Ĉiun lastan ĵaŭdon de monato okazas pli vastigita esp-a kunveno en la Kulturdomo de Kleruloj.

Riga-Esp-a Klubo aranĝas interesajn vesperojn je literaturaj originalaj kaj tradukaj temoj, pri kulturo, ekonomio kaj esp-a movado de apudbaltaj landoj: Pollando, Svedio, Finnlando, Danlando, GDR.

La gejunula sekcio de l'Klubo, gvidata de Ar. Mediņŝ, organizas sportajn kaj turismajn aranĝojn, amuzvesperojn.

En latvaj mezlernejoj estas instruata Esperanto fakultative. Antaŭnelonge, esp-an kurson finis kaj ricevis diplomojn 35 personoj.

*(Laŭ informoj de Teodor Kulagin, Moskvo)*

# KORESPONDDEZIROJ

## Bulgario

Geinstruistoj kaj gelernantoj de GDR estas petataj kontakti s-ron Hajlo Zdravkov, **Radomir,** str. Buzludĵa 6

## DDR

Dez. interŝ. kol. bk. fotojn el la tuta mondo. Fritz Böckelmann, 3253 **Egeln**

## Italio

Laboristo juna, 23-jara, dez. korespondi kun junaj esp. el ĉiuj landoj pri ĉiuj temoj. Angelis Roberto, 00100 **Roma,** Via Amico da Venafro 14

## Pollando

Koresponda Servo de TEJO (Tutmonda Esperantista Junulara Organizo), **Torun,** Miskiewicza 6/10 (por Halina Magdycz)

Nova adreso de Petro Szyjkowski, Torun, woj. Bydgoszcz, **Grsboein-Ceg.** 20 jara, interŝ. bk, pm, insignojn, gazetojn, diskojn ktp. Interesiĝas pri sporto, lingvistiko, politiko, filmoj ktp.

Studento, 20 jara, interesiĝas pri filmoj, muziko, poezio, ruse, pole. Marian Solecki, **Tychy,** Mikolow, K. Miarki 26/49

## Rumanio

Fraŭlino Ghinea Doina, Comuna Golesti Judetut Vrancea. **Brasov,** pri junularaj aferoj

## Soveta Unio

Studentino, 22 j., dez. koresp. pri ĉiuj temoj kun ĉiuj landoj. Elja Vrjesnevskaja, **Ĥarkov 24,** studenĉeskij 6 A, Ukrainio

Studento, 25 j., kun ĉ. l. pri lingvoj, bk, gram. diskoj, Leonid Zenin, **Ĥarkov** 24, Puŝkinskaja 77, Ukrainio

Studentino, 24 j.. kun ĉ. l. interŝ. insignojn, bk, **Ĥarkov 24,** Puŝkinskaja 79, Ljuda Kazakova

Studentino, 19 j., kun ĉ. l. pri ĉ. t., Larisa Prober, **Ĥarkov 23,** Dzerĵinskogo 94—41, Ukrainio

Studentino, 20 j., kun ĉ. l. pri ĉ. t. Irina Rudavskaja, **Ĥarkov 78,** Dzerĵinskogo 65—17. Ukrainio

Inĝeniero, 25 j., kun ĉ. l. pri ĉ. t., Ljuda Kapralenko, **Ĥarkov** 23, Černiŝevskogo 96—67, Ukrainio

Inĝeniero, 27 j., kun ĉ. l. pri ĉ. t., Varakuta Vera, **Ĥarkov 23,** Černiŝevskogo 96—43, Ukrainio

Studento, 19 j., kun ĉ. l. pri ĉ. t., Miĥail Ŝirokorjadov. **Belgorod,** str. Ŝerŝpeka 4-a—16

Vendistino, 18 j., kun ĉ. l. pri modernaj kantoj, bk, gram. disk., Larisa Ŝilo, **Ĥarkov 66,** str. Tankovaja 127—2

Studento de universitato, fizika fako, dez. koresp. kol. pm (kosmo, arto, sporto, e-o-markoj), dez. interŝ. tutmonde, Anatolij Caricenko, 340066 **Doneck.** Glavpoŝtamt, Poste Restante

Junulo, 18 j., dez. koresp. interŝ. diskojn, Sergej Bojko, **Ĥarkov** 86, ul. 23 aŭgusta —31, kv. 84

Studento, 17 j., dez. koresp. kol. pm, kaj bk, interes. pri kemio, sporto, turismo. Sergej Černyĥ. 656099 **Barnaul-99,** poŝtkesto 11

Dez. korespondi diversteme, kol. pm, pk, 24 jara, studento de medicino, Aleksandr N. Ponomarjov, **Ivanovo (obl)-13,** ul. ŝubiniĥ 16 a, kv. 30

Studentinoj de kemio ĉe Ŝtata Universitato, 20 jaraj, dez. koresp. ĉiulande, diversteme, kol. bk. insignojn, esperantorevuojn, sondiskojn. Graĵina Grabeĵite, **Vilnius,** Basanaviĉus str. 26-2 - Maria Urbanariĉiute, **Vilnius,** Algirdo str. 2/22-65

Dez. koresp. G. J. Arĥangelskij, **Voroŝilograd-16,** str. Kocjutinskho 2-53

Aŭtomekanikisto, 22 jara, dez. koresp. esperante kaj germane pri lingvistiko kaj literaturo. Evgenij Kononenko. **Ulijanovska-12,** str. Hrustalnaja 22, kv. 4

Lernantino, 16 jara, dez. koresp. pri moderna muziko, ĉiutaga vivo, moroj kaj kutimoj en aliaj landoj k. s. Laima Gudaityle, **Vilnius-40,** Krantines 10—40

## Svedio

54-jara sveda laboristo deziras korespondi kaj interŝanĝi fotojn kaj bildkartojn kun germaninoj. Korespondas esperante kaj angle. K-do Runo Mur, Poste restante, **Göteborg 5** (Södra vägen)

Herausgeber: Deutscher Kulturbund (Zentraler Arbeitskreis Esperanto der DDR). Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstraße 60. Fernruf: 22 59 91.

Verantwortl. Redakteur: Detlev Blanke, Redaktionskommission: Otto Bäßler, Dr. Hans Eichhorn, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Rainer Knapp, Willi Vildebrand. Veröffentlicht unter der Lizenznummer 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf. – Druck: Druckwerkstätte Glauchau Julius Pickenhahn KG III-12-8 648